APRILO 1935 Aperas dekfoje dum la jaro TRIA NUMERO

# Literatura Mondo




Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono
Kolektiva abono la duonon. Por kurzsuferaj landoj favoraj prezoj. Peru detalajn informojn.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

**Dancu Marionetoj**, noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
**Migranta Plumo**, noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
**Viktimoj**, romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
**Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
**Preter la Vivo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
**Pilgrimo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

**Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
**Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
**Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
**Eterna Bukedo**, Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
**Madách: Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla 4.—
**Petőfi: Johano la brava**
luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
**Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro**, silkebind. — 5.—
bind. 3.—, broŝ. 2.—
**Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
**— G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
**Dante: Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80
**Hekler: Arthistorio** I. bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
**Dekdu Poetoj.** Poemantologio. Redaktis: Kalocsay bind. 4.—, broŝ. 2.50; luksa bind. 5.—, broŝ. 3.20
**B. Mussolini:** Vivo de Arnaldo, bind. 3.30, broŝ. 1.80
luksa bind. 4.—, broŝ. — — ( — — — 2.20

**ALIAJ VERKISTOJ:**

**Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto** vol. I. A—J bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
**S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio** romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
**Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto** bind. 9.—, broŝ. 7.—
**J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
**Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. 2.50
broŝ. 1.50
**Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano** novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
**Szilágyi: La Simpla Esperanto** (gram. por hung.) broŝ. 1.35
**Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj** broŝ. — 1.50
**La Pentroarto en la malnova Hungarujo**, kun 95 ilustrajoj duonlede bindita — — — — — 15.50
**L. Totsche: De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
**Engholm: Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
**Engholm: Infanoj en Torento** romano, bind. 3.50, broŝ. 2.—
**Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** broŝ. — — 0.60
**I. Ŝirjaev: Peko de Kain** broŝ. — — — — — 1.—
**H. Weinhengst: Turstrato** 4. romano bind. 5.50, broŝ 4.—
**E. Alsberg: Fine mi komprenas la radion!** bind. — 6.—
broŝ. 4.50
**K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon** broŝ 1.20
**K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — 2.50
**Slonimski—Grenkamp: Mia vojaĝo en Sovetio** bind. 4.20, broŝ. 2.70
**Teodor Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato bind. 4.20
broŝ. 2.70
**Hungara Slosilo** — — — — — 0.18

**Jelušić—Rotkvić:** Cezaro bind. 11.—, broŝ — — 9.—
**R. M. Rilke—Münz:** Leteroj al Juna Poeto bind. 1.35
**Adamson:** Auli bind. 3.—, broŝ. — — — — — 1.60

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien**, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 185 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen**, 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk**, Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. **Poŝtkonto** nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto **Librejo** **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona**, str. Provenza 75, 2—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 172. Poŝtkonto Nr. 162.626.
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**
**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. 1 svisa franko egalas 1.72 zloty. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

# Sinjorino Planŝonet

— Anatole France —

Jam printempe mi ĝuis kun feliĉo mian komenciĝantan deksepjarecon. Mia patro min sendis al Corbeil, por pasigi Paskan libertempon ĉe onklino Felicia, kiu loĝis en dometo apud rivero Seine, kaj tie vivadis en pieco kaj memkuracado. Konscia pri la familiaj devoj ŝi min kisis, komplimentis pro mia freŝa abiturienteco, aludis al mia patra simileco, admonis ke mi ne fumu cigaredojn en la lito, kaj lasis min libera ĝis la vespermanĝo.

Mi eniris la ĉambron por mi jam preparitan de la maljuna servistino Eŭfemia, kaj el mia kofro prenis zorge enpakitan inter ĉemizoj la manuskripton de mia unua verko, »Clémence Isaure«, en kiun mi metis mian tutan idearon pri amo kaj arto, kaj pri kiu mi estis sufiĉe kontenta. Post ioma tualetado mi eliris sencele promeni en la urbo. Laŭpaŝante la ulmornamitajn bulvardojn, kies iom melankolia trankvileco min logis, mi ekvidis sur la pordo de teretaĝa domo tegita per glicineo blankan ŝildon nigralitere surskribitan per jenaj vortoj: »la Sendependulo, gazeto ĉiutaga, politika, komerca, kampkultura kaj literatura.« Glorsopiron revekis en mi tiu ŝildo. Jam kelkajn monatojn turmentis min la deziro presigi mian »Clémence Isaure«. Ŝajnis al mi, ambicia modestulo, ke tiu kvieta domo, kaŝita en la foliaro, havigus al mia unu verkaĵo taŭgan hejmon, kaj de tiam naskiĝis en mia kapo la ideo, ke mian manuskripton mi prezentu al »la Sendependulo«.

Facila kaj unutona estis la vivado en Corbeil. Dum la manĝo mia onklino rakontis sian malpaciĝon kun d-ro Germond. Tiu malpaciĝo okazis antaŭ dek jaroj kaj ankoraŭ turmentetis ŝin; ŝi gardis por la kaftrinko siajn historietojn pri s-ro pastro Laclanche, viro afabla sed sensanigita de maljuniĝo kaj graseco; li kutime endormiĝis en la konfesejo, dum mia onklino konfesis al li siajn pekojn. Poste, la bonega virino sendis min en la dormoĉambron, insiste petante, ke mi ne fumu en la lito.

Iun tagon, sidante sola en la salono, mi enue foliumis gazetojn, kiuj kuŝis sur mahagona tableto. Estis numeroj de »la Sendependulo«, kiun abonis mia onklino. Malgrandformata, maldikpapera kun eluzitaj presliteroj, »la Sendependulo« havis modestan mienon, kiu kuraĝigis min.

Du, tri numerojn mi legetis. La nura literaturaĵo renkontita titoliĝis: »Fratineto de Fabiola«, kaj estis subskribita per virina nomo. Mi plezure rimarkis, ke ĝi estas samspeca kiel mia »Clémence Isaure« sed malpli bona. Tion konsiderinte, mi decidis prezenti mian manuskripton al la ĉefredaktoro. Lia nomo, Planŝonet, montriĝis presite sub la titolo.

El mia »Clémence Isaure« mi faris rulaĵon, kaj sen averti mian onklinon pri la de mi plenumota provo, iris iom febre al la domo glicinee tapetita. S-ro Planŝonet tuj akceptis min en sia kabineto. Li skribis senfrake kaj senveŝte. Li estis la plej vila el la nigraharaj grandeguloj ĝis nun de mi renkontitaj. Ĉiumove li aŭdigis bruon de krispigata haraĵo, kaj eligis rabobestan haladzon. Ĉe mia alveno li ne ĉesigis la skribadon, kaj ŝvitante, spiregante kun nudaj kolo kaj brusto, li finis sian artikolon; poste, demetante la plumingon, li gestis, ke mi ekparolu.

Mi balbutis mian nomon, tiun de mia onklino, la celon de mia vizito, kaj tremante transdonis al li la manuskripton.

— »Ĝin mi legos, li diris. Revenu sabate...«

Mi eliris terure konfuzita, dezirante ke antaŭ tiu sabato la universo neniiĝu en tutmondan kataklismon, tiom mi timis duan renkontiĝon kun la ĉefredaktoro. Sed ne okazis la kataklismo, venis la sabato kaj mi revidis s-ron Planŝonet.

»Jen mi pensas, li diris, vian verkaĵeton mi legis. Tute ne tiel malbona! Ĝin mi enpresos. Kion vi faros morgaŭ vespere? Venu do, ni kunmanĝos. Mi loĝas en placo Saint-Guenault, kontraŭ la kvadrata Turo. Inter ni kaj senceremonie, ĉu ne?«

Mi tre dankeme akceptis.

La morgaŭon, je la sesa vespere mi trovis en la salono s-ron Planŝonet kun du, tri infanoj sur la genuoj, aliaj sur la ŝultroj kaj eĉ en la poŝoj. Ili nomis lin paĉjo kaj taŭzis al li la barbon. Li surhavis novan redingoton, senmakulan tolaĵon kaj bonodoris lavendon.

Eniris virino palvizaĝa, velkŝajna, iom maljuniĝinta, kun haroj el hela oro kaj vink-okuloj, ĉarma kaj gracia, malgraŭ la grasiĝinta talio.

»Sinjorino Planŝonet,« li diris.

La infanoj (entute ses laŭ mia kontrolo) estis dikaj, sanaspektaj, ruĝvangaj, iele belaj. Iliaj nudaj brakoj kaj kruroj estigis ĉirkaŭ la kolosa patra korpo amason da freŝa karno, kaj iliaj sovaĝaj okuloj ĉiuj kune fiksiĝis sur min.

Petante pardonon pro ilia malĝentileco, s-ino Planŝonet klarigis:

»Ni mallonge restadas samloke: ili ne havas tempon konatiĝi kun iu ajn; ili estas sovaĝuletoj kaj scias nenion. Cetere, ĉu ili kapablus ion lerni, transmigrante du fojojn ĉiujare? Henriko, la plej aĝa, jam preteris la dekunuan. Li ankoraŭ ne scias eĉ unu vorton el la kateĥismo; mi demandas min, ĉu li estos akceptata por ricevi la unuan komunion . . . Vian brakon, sinjoro.«

La manĝmaterialo abundis. Juna kamparanino atente kontrolata de s-ino Planŝonet senĉese alportis pladon post plado, nome: tortojn, rostaĵojn, pasteĉojn, fritaĵojn, dikajn birdaĵojn, kiujn nia gastiganto, kun tuko sub la mentono, tridenta forketo en unu mano kaj cervopieda tranĉilo en la alia, lokis antaŭ sin grincante per la dentoj kaj rulante ĉiuflanken minacantajn okulojn meze de vizaĝa haraĵo. Kun rondigitaj kubutoj li distranĉis blankan aŭ nigran viandon, abunde servis mem la idaron, edzinon, invititon, kaj terure ridante rakontis senmalicajn bagatelojn.

Sed precipe en la vinverŝado li montris malavarecon de bonfarema manĝegulo. Per siaj luktistaj brakoj li nekliniĝante ekkaptis la kolon de iu el la boteloj amasigitaj ĉe siaj piedoj, kaj ĝisrande plenigis la glasojn de sia edzino, kiu vane rifuzis, de la infanoj jam dormantaj kun vango en siaj teleroj, kaj de mi mem malfeliĉulo, kiu negustumante englutis vinon ruĝan, rozan, blankan, sukcen- aŭ orkoloran, kies aĝon kaj devenon li gajvoĉe anoncis, fidante la diron de la vendisto. Tiele ni eltrinkis, mi ne scias kiom da diverse sigelitaj boteloj. Poste, mi esprimis al mia gastigantino noblajn kaj amemajn sentojn. Amase puŝiĝis el mia buŝo heroaj kaj karesemaj esprimoj. La konversacion mi pelis ĝis plej alta superbelo. Sed estis malfacile al mi ĝin pluigi tia ĉar, se s-ino Planŝonet kapjese aprobis miajn plej transcendajn spekulativojn, li tute ne ŝate konsideris ilin, kaj senprokraste parolis pri elekto kaj kuirado de manĝeblaj fungoj aŭ pri alia temo kon-

certe la arton de l' regalado. Lia kapo entenis perfektan kuiriston kaj bonan gastronomian karton de Francujo. Kelkfoje li rakontis ankaŭ petolajojn de lia infanaro.

Mi plibone akordiĝis kun s-ino Planŝonet, kiu plurfoje deklaris, ke ŝi emas al idealo. Ŝi konfidencis al mi, ke iam ŝi legis poezion, kiu ŝin ravis, sed kies aŭtoron ŝi ne plu memoras, ĉar ĝi estas en libro enhavanta verkaĵojn de diversaj poetoj.

Mi recitis ĉiujn elegiojn de mi konatajn, sed mian deklamadon superbruis la kriado de la infanoj, kiuj sovaĝe ungoskrapis sin reciproke sub la tablo.

Ĉe la deserto mi konsciis, ke mi amas s-inon Planŝonet, kaj tiu amo estis tiel nobla, ke anstataŭ sufoki ĝin en mia koro, mi ĝin eksterigis en dolĉaĵn rigardojn kaj multvortan paroladon. Mi konigis mian opinion pri vivo kaj morto, kaj mian tutan animon mi malkovris al s-ino Planŝonet, kiu duonfermante siajn belajn bluajn okulojn, kaj klinante sian malgrasan vizaĝon sulkigitan de laceco, diris al mi per voĉo sentona: »Ĉu ne, sinjoro?« kaj penis rideti.

Mi havis ankoraŭ multon por diri, kiam ŝi eliris enlitigi la etulojn, kiuj sur siaj seĝoj profunde dormis kun kruroj supren. Tiu eliro lasis min enpensa kontraŭ Planŝonet, kiu enverŝis likvorojn. Li aspektis al mi kiel brutulo. Incitis min lia peza flegmeco; tamen inspiris min plej noblaj sentoj. Mi deziris en mia interno, ke li posedu belan animon, kaj mi ankoraŭ pli belan, por ke s-ino Planŝonet estu amata de du indaj viroj.

Tial mi decidis elsondi la koron de Planŝonet.

»Sinjoro, mi diris, vi praktikas ja belan profesion.

— Ha! li respondis, ekbruligante sian pipon, tion vi trovas bela, ke mi verkadas klerikalajn artikolaĉojn en la provinco? Mi laboras por la ekleziularo. Sed oni ne povas elekti sian partion, ĉu ne?«

Kaj li ekfumis kviete sian pipon el magnezito, sur kiu estis volupteme skulptita nuda virino.

Mi demandis:

»Sinjoro Planŝonet, ĉu vi konas mian onklinon?«

Li respondis:

»Mi neniun konas en Corbeil. Antaŭ ses monatoj mi loĝis en Gap... Iom da anizaĵo, ĉu jes?«

Ega bezono de amemo naskiĝis en mi. En mi estiĝis sentoj de amikeco por Planŝonet. Mi montris al li familiarecon, simpation kaj precipe konfidon. Mi rakontis mian vivon; mi sciigis lin pri miaj esperoj kaj sopiroj.

Mi ankoraŭ parolis, kiam li ĉesigis la fumadon. Fine mi rimarkis, ke li dormetas; stariĝinte mi bonvesperis al li, kaj esprimis la deziron prezenti respektajn komplimentojn al sinjorino Planŝonet. Li klarigis, ke tion mi ne povas fari, ĉar ŝi jam enlitiĝis. Tre bedaŭreme mi serĉis mian ĉapelon, kiun mi fine ektrovis. Planŝonet lumigante per lampo akompanis min ĝis la ŝtuparo. Pri la maniero teni la balustradon kaj malsupreniri la ŝtupojn li konsilis al mi, kiel oni ordinare ne kutimas konsili. Sed la ŝtuparo estis verŝajne malfacilira ŝtuparo, ĉar mi preskaŭ falis tuj ĉe la unuaj paŝoj. Dum mi iris malsupren, Planŝonet, kliniĝante super la balustrado demandis min, ĉu la onklinan domon mi facile retrovos. Tiu demando min ofendis. Mi promesis, ke la domon mi senpene trovos; tiun promeson mi faris senpripense, ĉar mi pasigis parton de la nokto en serĉado, kolerante pro la mallerteco, laŭ kiu oni per ambaŭ piedoj iafoje vadas en stratdefluiloj. Tamen mi vane remaĉis en la kapo, kia estos la heroaĵo, per kiu mi povos instigi la admiron de s-ino Planŝonet. Mi pensis pri ŝiaj belaj okuloj kaj senkonsoliĝis, ke ŝia talio ne estas tiel beleta kiel ĉi tiuj.

La morgaŭon mi vekiĝis kiam la suno jam brilegis; mia buŝo estis sensaliva kaj mia haŭto varmega. Precipe mi suferis pro tio, ke mi ne kapablis memori la vortojn, kiujn mi eldiris la hieraŭan tagon al s-ino Planŝonet, kaj mi havis kaŭzon por pensi, ke tiuj vortoj estis nuraj sensencaĵoj.

Mia onklino ne kaŝis al mi, ke tiun malfruan revenon ŝi rigardas kiel malĝentilaĵon. Kiam mi fiere sciigis al ŝi, ke mian »Clèmence Isaure« mi akceptigis ĉe »la Sendependulo«, ŝi tre, tre koleris kaj sendis min tuj repreni la manuskripton, por malebligi la malbonon de publikigo, kies nura ideo teruris ŝin. Mi do iris honteme peti de s-ro Planŝonet mian skribaĵon, kiun li redonis al mi tiel indiferente, kiel li estis akceptinta.

»Kion vi faros hodiaŭ vespere? li diris. Venu do, ni manĝos la restaĵojn.«

Mi rifuzis pro konsidero al mia onklino. Post kelkaj tagoj mi iris vizite al s-ino Planŝonet, kiun mi trovis sidanta antaŭ kampflora bukedo, flikante pantalonetom de sia plej aĝa naskito. Ege sindetenaj ni restis unu al la alia. Pluvis. Ni babilis pri la pluvo.

— »Estas tre malgajige,« mi diris.

— Ĉu ne? ŝi respondis.

— Vi amas florojn? Sinjorino.

— Mi amegas.«

Kaj ŝi rigardis min per belaj okuloj florantaj sur velka vizaĝo.

El Corbeil mi forveturis la sekvan semajnon, kaj plu neniam revidis s-inon Planŝonet.

El la franca: *Marc Pujo.*



J. Szervátiusz *Pacon, benon!*

# Poemoj de Charles Baudelaire

— El la franca: Henri Vatré —

## Kion ĉi-nokte, koro . . .

Kion ĉi-nokte, koro, vi povra, sol-amara,
kion vi, mia koro, vi, iam velka kor'
diros al la tre bela, tre bona kaj tre kara,
kies diin-rigardo vin igis pompa flor'?

— Fieros ni ŝin kanti per laŭdo tre fidela,
nenio pli valoras ol ŝia dolĉa reg',
ŝian spiritan karnon parfumas spir' anĝela,
ŝia rigard' nin kovras per vesto de brileg'.

Ĉu estas ni dum nokto kaj en mallumo sola,
ĉu estas ni sur strato kaj en amas' popola,
vizie ĉirkaŭŝvebas ŝi kiel torĉa hel'.

Kaj ŝi kelkfoje diras: »Mi belas; jen ordono:
Pro l' amo al mi sentu nur amon al la Bel';
mi estas Gardanĝelo, kaj Muzo, kaj Madono.«

## Enpensiĝo

Nun saĝu, ho Doloro, vin tenu pli trankvila.
Vi volis la Vesperon; jen, vidu ĝian venon.
La urbon nigre kovras aero nubsimila,
al unuj portas pacon, al multaj zorg-ĉagrenon.

Dum nun la mortemuloj, amaso fidezira,
sub vipo de l' Plezuro skurĝanta en kor-svenon,
kolektos la rimorsojn en sia fest' delira,
doloro, donu manon, ho venu, ĉi festenon

forlasu; jen, sin klinas la Jaroj vivo-foraj
de sur la nub-balkonoj, en roboj karmemoraj;
emerĝas de l' mar-fundo la mildrideta Pento;

Sub ark' la Sun' mortanta por dormi sin forkaŝas.
Kaj kiel morto-tuko trenata en Oriento,
ho, aŭdu, kara, aŭdu, la dolĉa Nokto paŝas.

## La Idealo

Neniam ja ĉi tiuj belajoj survinjetaj,
produktoj duonputraj de fuŝa jaro-cent',
piedoj en silkŝuoj kaj fingroj kastanjetaj
al mia koro donos la senton de kontent'.

Mi lasas al Gavarni, poeto de l' klorozaj,
la belulinan gregon de l' pepa hospital',
ĉar mi ne trovas floron inter ĉi palaj rozoj,
similan al la mia, al ruĝa ideal'.

Konvenas al ĉi koro profunda kaj abisma
vi, Lady Machbet, krima animo kataklisma,
Ajshila rev' naskita en land' de uraganoj,

aŭ vi, ho granda Nokto, filin' Mihelanĝela,
tordanta dormopace en pozo strange-bela
la bruston fasonitan por buŝo de Titanoj.

## Vesperharmonio

Jen venas jam la tempo, kiam en apertiĝo
odoras, incensile, vaporaj floroj mil.
Tra la vespero ŝvebas parfumoj, zum' kaj tril',
melankolia valso, langvora kor-vertiĝo.

Odoras incensile vaporaj floroj mil,
violono vibras kiel la kor' en malfeliĉo;
melankolia valso, langvora kor-vertiĝo;
ĉielo trista, bela: granda altar' en bril'.

Violono vibras kiel la kor' en malfeliĉo,
kor' milda, nigran Nunon fuĝanta kun sopir';
ĉielo trista, bela: granda altar' en bril';
en sia sango dronas la sun' ĉe l' malleviĝo.

Kor' milda, nigran Nunon fuĝanta kun sopir',
kolektas la restajojn de l' fora, luma riĉo;
en sia sango dronas la sun' ĉe l' malleviĝo;
via memor' ekbrilas kiel hostimontril'.

## La horloĝo

Horloĝ', fatala dio, terura, senkompata,
minaca, montrofingre pelanta al memor'.
La vibraj vivdoloroj en via vea kor'
eksiblos iam kiel en disko arkpafata.

Kaj fuĝos la Plezuro al horizonta fon'
simile kiel silfo tra kaŝa kulis-truo,
ĉiu momento rabas peceton el la ĝuo
al homoj konsentita por tuta viv-sezon'.

Ja trimil-sescent-foje dum horo, la Sekundo
flustretas »Rememoru!« Per insektvoĉa tint'
la Nuno jam tiktakas: »Mi estas la Pasint'
fitrompe vian vivon mi suĉis el kor-fundo.

REMEMBER! REMEMORU! fuŝul'! ESTO MEMOR!
Parolas ĉiujn lingvojn mia metala lango.
Ĉiu minut', mortema stultulo, estas gango,
ne pigru ĝin elmini por ĝia kaŝa or'.

Memoru, ke la Tempo, ludant' avida, prenos
la gajnon ĉiumete, sentrompe; jen fatal'!
Memoru! Tago svenas, densiĝas noktvual',
soifa la abismo; klepsidro tuj malplenos.

Eksonos baldaŭ horo, kiam la di' Hazard',
la nobla Virto, virga ankoraŭ amatino,
la Pento mem (ho lasta azilo ĉe l' vojfino)
alkrios: »Mortu, aĝa ŝimulo, troas tard'!«

# Ŝtelita infaneco

– Hans Weinhengst –

Apudvoje sur verda deklivaĵo sidis junulo. Longstatura, malgrasa, palvizaĝa junulo. Li lasis kvazaŭ baki sin de somertagmeza suno kaj rigardadis reveme al li sub li kuŝanta vilaĝo. Longe li jam sidis tiel, senmove. Kelkfoje li balancis kvazaŭ jese sian kapon kaj murmuretis ion elinter la apenaŭ disigitaj dentoj.

Fine, kiam ĵus nubeto ekkaŝis la sunon, li leviĝis. Kun rezigna ĝemeto li streĉis siajn membrojn kaj ĉirkaŭrigardis. Poste liaj okuloj laŭiris la vojon supren ĝis la arbaro, en kiu ĝi malaperis. De tie li refoje turnis ilin al la valeto kun la malgranda vilaĝo, kvazaŭ por ĵeti sur ĝin lastan, longan adiaŭrigardon.

»Ĉio estas kiel bela kaj malbela sonĝo«, li diris. »Tiom da tempo pasis de tiam! Sed preskaŭ ĉio ankoraŭ estas, kia ĝi estis tiutempe. Escepte de la domo, kiu forbrulis.«

Anstataŭ ĝi nun staris nova, pli bela, ne tute kongrua kun la aliaj. Kaj tie, ĝuste sub li, estis la aĉa malnova kabano kun la larĝkrona ĉerizarbo, kiu estis iam lia hejmo. Malklaraj rememoroj pri sunaj, feliĉaj tagoj faris ĝin kara al li. Kiel volonte li enirus ĝin refoje! Sed ankaŭ aliaj, malbelaj, naŭzaj rememoroj ligiĝas kun ĝi, kiuj estas pli freŝaj, pli reliefaj. Ili formas kvazaŭ heĝon, kiu disigas lin de la agrablaj rememoroj el pli frua, bela tempo.

La junulo subite residiĝis dronante en memorojn kaj meditojn. Li klopodis reiri en sian pasintecon, repasigi antaŭ sia spirita okulo, kion li travivis en ĉi tiu spaceto da mondo.

La unuaj vivovojetoj de la malgranda Fredo estis heligataj per la sunbrilo de komprenema patrina amo. Rekompence lia koreto arde batadis renkonte al sia kara panjo.

Fredo estis ĉarma, facile direktebla knabeto kun sentema, impresebla animo. Liaj drola afableco, komplezemo kaj gaja vigleco sturme konkeris la korojn de homoj. Eĉ lia kolerema patro, kies konstantaj malsereno kaj grumblemo tre ombrumis la infanecon de Fredo, ofte estis venkita kaj plimildigita, se la bubeto demandis lin kun timema, peta rigardo de la bluaj, senkulpaj okuloj: »Paĉjo, kial vi koleras tiom? Kion vi deziras?«

Se Fredo estis batata kaj insultata de sia patro, li rapide forgesis kaj pardonis la ofendon. Kaj kiam la viro montris al li nur iom da bonvolo, nur iomete afablan mienon, aŭ foje eĉ donacis al li iom, tiam la fileto kondutis tiel dankeme kaj ame al li, ke eĉ la aĉa krusto ĉirkaŭ lia koro degeletis kaj li eksentis ion strange agrablan, iom de la feliĉiga patra amo. Bedaŭrinde, tio nur tro malofte okazis; pli ofte la viro insultis kaj batis la knabeton pro bagatelo aŭ pro bezono iel sentigi al iu sian ĉagrenon.

La infano tion ne kaj ne povis kompreni kaj ofte demandis sian panjon: »Kial paĉjo ĉiam tiel koleras? Kaj pro kio li batas kaj insultas ankaŭ vin? Vi ja neniam estas malbona!« Tiam la bona virino klarigis al li, ke paĉjo devas peze labori, ke li estas malsana kaj ke malbonaj homoj ĉiam kolerigas lin.

Tial Fredo foje diris al la patro, kiu, ĵus hejmenveninte iom ebria, denove komencis furiozi: »Kara paĉjo, ne koleru al ni! Ni ja ne kulpas, se fremdaj homoj ĉiam ĉagrenas vin. Batu foje ilin!« Sed la viro forpuŝis la knabon, ke li falis teren, kaj ekkriegis:

»Impertinenta bubaĉo! Tiel malgranda kaj jam tiel impertinenta! Tion *vi* instruas al li, kanajlino! Atendu ja, mi enkondukos aliajn morojn ĉe ni.«

Plej terure estis por la malgranda Fredo, kiam la patro ebria batis lian patrinon. La infano neniel povis kompreni, ke oni rajtas bati kaj insulti lian amindan, tiel bonan panjon. Kaj iĝinte pli aĝa, Fredo komencis ne nur timegi, sed ankaŭ malŝati sian patron pro tio. Li komencis rigardi sian patron kiel tolerendan malbonon, kiun oni ial havas kaj de kiu oni bedaŭrinde ne povas liberiĝi. Jam en sia kvina jaro, la infano ofte senkonsole plendis dum aŭ post malbela familia sceno:

»Panjo, kial mi devas havi paĉjon? Bedaŭrinde, ke mi devas havi paĉjon! Kial mi havas ne nur panjon?«

La virino ĉiel klopodis, ke la malgranda Fredo laŭeble ne estu atestanto de malbelaj scenoj; ŝi suferis kaj oferis multe por eviti tiajn en la ĉeesto de la infano kaj faris ĉion por forviŝi la aĉajn impresojn el lia animeto. Ŝi penis ĉiel heligi la vivmatenon de Fredo, ŝparis kaj rezignis eĉ pri satmanĝo por povi doni al li tion kaj ĉi tion, kio povas ĝojigi infankoron.

Tiel la knabeto havis ludilojn, kiujn la patrino aĉetis kaŝe kaj pri kiuj ŝi poste devis mensogi al la edzo, ke ili estas donacitaj de parencoj. Same Fredo foje-foje ricevis frandaĵojn tiom ja ŝatatajn de infano.

Dumtage, kiam la patro ne estis hejme, Fredo en tiu tempo travivis la plej purajn ĝojojn de sia tuta vivo. La patrino dediĉis ĉiun tempon, kiun al si lasis la multa laboro pri la hejmo kaj por la dombestoj, al sia etulo. Neniam ŝi havis alian alparolon por li ol »karulo«. Ŝi okupis lin en sia propra laboro, kutimigis lin lude al ordemo kaj memdisciplino kaj kiom ĝojis la bubeto, kiam li povis »helpi« al la panjo en serioza laboro!

Per simplaj fabeloj la ne tre instruita, sed siamaniere saĝa virino lernigis al li ŝati kaj estimi la bonon kaj eviti la malbonon. Ŝi neniam lin batis aŭ insultis. Tamen la malgranda Fredo kutime tuj obeis, kiam la patrino postulis, ke li ion lasu aŭ faru. Ne per severaj ordonoj kaj punminacoj ŝi atingis tion, sed per laŭebla klarigo pri la kialoj de siaj postuloj kaj per incito de ambicio en li.

Ne mirinde do, ke la vigla, ĉiam gaja kaj komplezema knabo estis ĝenerale ŝatata kaj poste en la lernejo estis favorato de la instruisto. Ĉetere li bone lernis. Ĉiam liaj lerniloj estis en bona ordo kaj liaj taskoj zorge faritaj.

La patrino de la malgranda Fredo estis kormalsana. Jam delonge. Kaj la ĉagreno pro sia malfeliĉa edzeca vivo, kune kun la pezaj laboroj, pli kaj pli malbonigis ŝian farton. Kelkfoje ŝi sentis sin tiel malforta kaj suferis tiajn dolorojn, ke ŝi ne povis ne pensi pri baldaŭa, eble subita morto. Tiam ŝi tre malĝojis demandante sin, kio estiĝos el la fileto, kiam li staros en la malbona mondo sen ama prizorgo. Sed ŝi penis kaŝi de Fredo siajn larmojn kaj laŭeble ne aflikti lin per malgaja mieno.

Iun antaŭtagmezon, Fredo tiam estis preskaŭ okjara, li iris kun la patrino sur herbejon por alporti freŝan furaĝon al la dombestoj.

Antaŭ du tagoj la someraj ferioj estis komenciĝintaj kaj la knabo ege ĝojis pri la grandioza perspektivo, ke li denove povos pasigi multajn tagojn prok-

sime ĉe la patrino, sur liberaj kampo kaj herbejo.

Estis varmege. La suno sendis ardajn radiojn de sur la blua ĉielo. Fredo kaj la patrino ŝvitegis. La virino fartis tre malbone kaj ofte interrompis la falĉadon de herbaro por pene ekspiregi. En la brusto ŝi sentis pikajn dolorojn kaj en la kapo svenemon. Tamen post ĉiu ĉeso ŝi baldaŭ rekomencis la laboron.

Al la knabo plaĉis la bela tago. Li kunrastadis la falĉitajn herbojn, kolektis florojn, kaptis akridojn, kiujn li rigardis kaj reliberigis, saltetadis tien kaj reen kaj faris transkapiĝojn pro ĝojo. Kiam li foje rimarkis, ke lia patrino ĉesis labori kaj kun dolora ekĝemo fermis la okulojn, li alkuris timigite kaj demandis kunsente, kio ŝin premas. Sed ŝi trakviligis lin, dirante ke nur la varmego iom lacigas ŝin, kaj Fredo ree ĝojis kaj amuziĝis.

Rikoltinte sufiĉe da herbaĵo, ili pakis ĝin en grandan kaj malgrandan tukojn. La grandan portis kompreneble la patrino, la malgrandan pakaĵon la filo. Ili jam proksimiĝis al la vilaĝo, kiam la patrino ekŝanceliĝis kaj subite teren falis sub sia peza ŝarĝo. Fredo forĵetis la sian kaj kuris al la patrino, kiu ĝemadis kaj ne povis leviĝi.

Per balbuta voĉo ŝi petis la knabon, ke li kuru en domon kaj venigu helpon. Baldaŭ li revenis kun du virinoj, kiuj alportis akvon kaj vinagron. Ili malsekigis la tempiojn de la svenintino kaj gutigis la miksaĵon el akvo kaj vinagro en ŝian buŝon; pli la bonaj virinoj ne sciis fari.

Fine la malsanulino ekstertoris kaj malfermis la okulojn. Iom post iom ŝi tiom konsciiĝis, ke ŝi alvokis sian filon per malforta voĉo. Kiam li plorante kliniĝis super ŝia vizaĝo, la patrino kisis lin kaj flustris dutrifoje: »mia kara, kompatinda bubo!« kaj ankaŭ ekploris. Poste ŝi denove fermis siajn okulojn, spiretis malfacile, pli kaj pli malforte kaj finfine tute senmoviĝis.

Dum kelkaj semajnoj post la enterigo de la patrino, ĉe kiu la malgranda Fredo kondutis malespere kaj plorvokis korŝire sian panjon, lia onklino — fratino de la patro — laŭpove prizorgis la domon. La patro iris al sia laboro kiel kutime kaj la knabo, pri kiu neniu krom kelkaj kompatemaj najbarinoj multe zorgis, iradis aŭ sidadis ie, kiel funebranta ombro de sia propra antaŭa memo. Li iĝis silentema kaj timema, evitis la homojn, apenaŭ manĝis kaj se oni volis paroli kun li, oni devis kvazaŭ tiri el li ĉiun vorton.

Kontraŭ sia patro la knabo kondutis preskaŭ malamike. Laŭeble li evitis lin. Laborojn, kiujn la viro ordonis al la knabo, li faris nur duone, ofte tute ne; malpli pro obstino, kiel la patro opiniis, ol pro forgesemo, amara revado kaj nevenkeblaj malemo kaj indiferento al ĉio. Lia patro pli ol antaŭe sidadis en drinkejo, venadis hejmen ebria. Jam unu semajnon post la perdo de sia panjo, la malgranda Fredo ricevis de li terurajn batojn. Kompreneble tio efikis plej malbone sur la malfeliĉan infanon.

Iutage fremda juna virino venis en la domon. Ŝi estis tre laborema kaj energia kaj ekkreis ordon en la jam malzorgita hejmo. Komence ŝi interesiĝis pri Fredo kaj traktis lin afable. Sed vidante, ke la knabo ne volas fidi al ŝi, neniel venas renkonte al ŝi kaj apenaŭ okupas loketon en la koro de sia patro, ŝi baldaŭ severiĝis kontraŭ Fredo. Kaj ĉar li ne ŝanĝiĝis, eĉ male, pli obstiniĝis, li fine ricevadis pli da insultoj kaj batoj ol da manĝaĵoj.

Per iom pacienca kaj ama traktado la funde ja bonkora kaj bonedukita knabo certe estus direktebla. Lia doloro pro la perdo de la patrino estus mildiĝinta, li mem kutimiĝinta iom post iom al la nova situacio. Sed kiom la malklera virino, kiu neniam estis patrino, sciis pri infanedukado kaj pri tio, kiel oni devas trakti infankoron profunde vunditan! Ŝi kaj aliaj, fine eĉ la instruisto, vidis en li nur obstinan, malafablan bubon, kiun neniel influas eĉ bonvolaj vortoj.

En la lernejon li venis sen taskoj, kelkfoje eĉ tute sen lerniloj, kaj neniam li estis mense ĉe afero pritraktata. Komence la instruisto ja lasis lin trankvila, poste li provis reaktivigi lin per konsolaj kaj milde admonaj vortoj. Finfine li malpacienciĝis kaj ektraktis lin severe, sed sen kontentiga rezulto.

Tiel estiĝis, ke Fredo renkontis jam nur senkomprenan severon, malafablan rifuzon kaj mem plue reagis nur al senteblaj punoj. Iom pli komprenemaj najbaroj, kiuj iam ŝatis la malgrandan Fredon, kutimis diri: »Estas domaĝe pri tiu knabo! Tiel bona infano, dum lia patrino — Dio ŝin beatigu — ankoraŭ vivis. Nun li estas malbonigata de tiu senhonta virino, kiu jam kondutas kiel sinjorino en la domo, tiel baldaŭ



J. Szervátiusz *Madono*

# Poemoj de Saint-Jules Zee

## Mezaŭtuna nokto

Susuras pluv' en foliaro kvazaŭ kante.
De temp' al tempo sonas glan', falante
Frape, resalte, rule tra l' tegmenta sulko al la tero.
Sur la stelkampo nub-ŝafaroj lante
Sin paŝtas. Tremas iom la aero.

En duonhelo arbfigur' rigidas
Kapkline, kiel maljunul' meditas
Pri siaj oraj tagoj. Kaj luliĝe en la nokta mildo,
Jen eta nesto interbranĉe sidas,
Kie flugilan sonĝon kovas birdo.

## Ondoj

Nuberoj velas, kaj marfluo ŝvelas.
Ĉio jubilas sub ĉiel' senbride.
Ondoj petolas kiel junaj fokoj.
Jen, ili dispeciĝas elĉerpite
Sur embuskantaj nigraj rokoj,

Sed facilmove levas sin denove
Kun ŝaŭma vest, el ĉielblu'.
(Ho, ravas la sovaĝa kant' de l' mevoj!
Ili ĝojkrie vagas ĉiam plu
Samkiel miaj etaj revoj.)

## La sorĉa ponto

Potencas volo, ĝi liberas eĉ inter kateno.
Kun vivoĝoj' mi ne bedaŭras danci sur fadeno.

Dum la vojaĝ', mi jen glitadas kiel silka velo,
Volupte, somnambule sur la fluo kaj sen celo;

Jen iras tra l' dezerta vasto, laŭ orbit' kometa,
Blinde sed spite, por renkonti ĉian sorton preta:

Ja ĉiu tago estas ŝtupo de la sorĉa ponto,
Emerĝas ĉiam nova stel' sur nova horizonto.

## Sub la steloj

El folidens' ekfluas oriola trilo,
Kaj la ĝardenon jam vualas nebulkrep'.
Sur la salikaj haroj pendas lunkombilo
Juvele ornamita per steletoj sep.

Murmure, salte, ŝvebe, en la duonhel'
Fonteto herbkovrita jen senĉesas ŝalmi.
Kaj el la blu' abisma, roza stel'
Sian flugilan penson komunikas al mi.

Mia kor-preĝo supreniras per ventport',
Kiel incens' en ombro de milbranĉa lustro.
Desupre ĉiam fluas la senvorta vort':
Unu mistera pulso, unu rava flustro!

## Vakanta koro, vakanta domo

Ne eĥas homaj paŝoj en la koridor',
Folioj kirle, svarme falas de saliko,
La sun' palvanga, lace, en vespera hor',
Alridas adiaŭon sian de amiko.

Surmure, langosigelita, malĝoj-kova,
Horloĝo ensorĉite sonĝas en la ombro.
Fantomo lumevita de la temp' malnova
Ŝtelvagas somnambule nun de ĉambr' al ĉambro.

Vakanta koro foje al vakanta dom'
Similas: ĉie regas muto kaj krepusko,
Memoroj tromaturas kiel putra pom',
Kaj la vivkonstruajon kvazaŭ mordas musko.

Sed io nepalpebla pulsas sub tempŝim',
Ĉe ĉiu folifal' resonas kor-pavim'.

---

post la morto de la virino.

Ankaŭ kun la lernejaj ĝekamaradoj Fredo tiam konstante malpacis. Ili malamis lian silentan konduton kaj apartiĝemon, sentis sin ofendataj per ili kaj volis devigi lin al certa solidaro, al partopreno pozitiva aŭ negativa. Ili sukcesis fine, en negativa senco. Li montriĝis malica, ĝenis la ludojn kaj rikoltis batojn. Li komencis fari maldecaĵojn kaj malicaĵn petolaĵojn. Baldaŭ oni akuzis lin pri ĉiu fibubaĵo, se oni ne povis eltrovi la farinton. Fine do ne plu pasis tago, en kiu Fredo ne ricevis batojn de iu. Lia famo en la tuta ĉirkaŭaĵo iĝis tiu de malgranda sentaŭgulo kaj misfaranto.

Tamen sub la dorna, kruda ŝelo restis bona kerno. Sed eĉ kiam pri tio montriĝis signoj, ili estis miskomprenitaj aŭ ne rimarkitaj. Ja malgraŭ sia malbonkonduto la knabo esence restis same sentema kaj amsopira kiel antaŭe. Kaj neniu pli suferis pro lia ŝanĝiĝo al la malbono ol li mem. Kiam neniu povis lin vidi, li ofte ekploris korŝire.

Nemalofte okazis, ke nokte, vekiĝinte el dormo, en kiu sonĝo iluziis al li estadon kun la mortinta panjo, li skuiĝis en akra plorado. Tiam li tute kaŝiĝis sub la litkovraĵo kaj singultadis konvulsie, ĝis li ree ekdormis kaj ree renkontis sonĝe sian patrinon, kiu konsole sekigis liajn larmojn. Ankoraŭ post jaroj li

ofte sonĝis kaj pensis pri ŝi. Kaj en lia koreto tiom elkreskis ŝia idealfiguro, ke en ĝi apenaŭ estis loko por iu alia.

Eble tamen la infano iom post iom estus ekpacinta kun sia »dua patrino«, se ŝi ne estus irinta tute malĝustan vojon. Anstataŭ respekti la memordoloron de la knabo, ŝi montris ĉagrenon pro ĉiu signo pri tio, ke li ankoraŭ neniel forgesis sian panjon. Kaj li en nenio estis pli sentema ol en sia funebra memoro kaj li plej kolere ekspitis, kiam li en vorto aŭ ago sentis pikon kontraŭ sia mortinta karulino.

Iun vesperon Fredo kaj lia duonpatrino sidis en la ĉambro. En lulilo dormis suĉinfano.

La virino jam estis legitima edzino kaj patrino de trimonata knabeto. Ankaŭ ŝi, kiel ŝia antaŭulino, multe suferis pro la krudeco de la viro, kiu pli kaj pli sklaviĝis al la alkoholo. Sed ŝi estis pli energia ol la mortinta virino, ŝi rezistis kaj faris limojn al la furiozemo de la drinkemulo. Kelkfoje ŝi eĉ interbatis kun li. Ofte ŝi defendis Fredon kontraŭ troaj malbontraktoj de lia patro.

La tiam dekjara Fredo sidis en angulo ludante per diversaj iloj. Li faris pli kaj pli laŭtan bruon. La duonpatrino, kiu flikadis vestojn kaj per unu piedo movadis la lulilon, jam plurfoje admonis lin ne fari tian bruon, por ke li ne ĉiam reveku la etulon. Fine ŝi diris insiste:

»Fredo, nun jam ĉesu! mi diras. Aŭ mi batos vin. Cetere baldaŭ venos la patro. Estus bone, se vi jam orde remetus lian ilaron. Vi scias, kiel li ĉiam furioziĝas pro tio, ke vi uzas kaj ruinigas liajn laborilojn. Se mi hieraŭ ne estus protektinta vin, kiam li ne trovis la malgrandan martelon, vi estus ricevinta vian porcion da batoj. Sed ĉiam mi *ne* disputos pro vi!«

Tiaj vortoj pli impresis la knabon ol la duonpatrino iam supozis kaj ol li mem montris. Li jam estis obeonta: nur unusolan frapon li devos ankoraŭ fari, enbati unu najlon.

»Ĉu vi tute ne aŭdas bubo?« kriis la virino koleriĝante, »ĉu oni ĉiam devas vin bati?«

Tiam la bubo ekspitis: »Batu do! Egale, ĉu vi aŭ li batas min.«

»Impertinentulo! *Bone* edukis vin via patrino, tion mi devas konfesi!«

»Mia panjo estis centoble pli bona ol vi.«

»Tuj silentu aŭ...«

»Estas ja vere! La homoj diris, ke vi grandparte kulpas pri ŝia morto. Vi entrudis vin en nian hejmon.«

La virino alkuris per du paŝoj kaj batis Fredon kelkfoje en la vizaĝon.

»Fibubo mizera!« ŝi insultis, mi disbatos vian impertinentan buŝaĉon.«

Fredo saltleviĝis kaj rifuĝis plorkriante en alian angulon. Poste li, tremante pro senpova furiozo, reinsultis:

»Jes, paĉjo kaj la homoj pravas: vi *estas* kanajlino, vi estas sorĉistino, vi estas publikulino...«

Vekiĝis la suĉinfano kaj komencis krii. Tio pligrandigis la koleron de la duonpatrino. Ŝi ekkaptis bastonon de sur ŝranko.

»Nun ĝoju, vi fripono! nun vi foje ricevos, kion vi bezonas.«

Sed la »fripono« rifuĝis trans la litojn, volis kuri el la ĉambro. Bedaŭrinde la pordo estis riglita kaj la kolera virino jam proksima. La riglilo ne volis cedi. En ekstrema timo li ekprenis la balailon, stariĝis en defenpozon kaj minacis:

»Provu bati min, tiam ankaŭ mi batos.«

La duonpatrino alsaltis lin, sed sammomente ŝi ricevis tiel fortan frapon sur la kapon, ke ŝi returne ŝanceliĝis.

Ekstere iu premis la anson kaj postulis malfermon. Fredo kuris en angulon, dum la virino enlasis la patron. Ŝi tuj rakkontis al li per ploraj kaj koleraj vortoj la okazintaĵon. Tiam Fredo estis batata kiel neniam antaŭe. Duonsveninte, kun doloroj en preskaŭ ĉiuj korpopartoj, li kuŝis en ĉambroangulo mallaŭte veante kaj ĝemante.

La postan tagon la patro kondukis la dekjarulon al kamparano. Tiu jam foje diris: »Se vi ne bezonas la bubon, sendu lin al mi. Mi nutros kaj vestos lin kaj li povos gardi mian brutaron kaj fari aliajn utilajn servojn sur mia korto.«

Komenciĝis aĉa tempo por la malgranda Fredo. Lia vivo ĉe la bruta, posedavida kamparano estis plena de laborego kaj sufero. La influhava mastro atingis, ke la knabo ofte ne bezonis viziti la lernejon. Anstataŭe li devis fari laborojn, kiuj superis infanajn fortojn. Pro bagateloj li estis kruela batata.

Kelkfoje li forkuris; ĉiufoje revenigis lin ĝendarmoj. Kiom da amaraj larmoj verŝis la knabo nokte sur sia pajla aŭ fojna kuŝejo! En sia infana nekompreno li fariĝis ĉiam pli obstina kaj malama kontraŭ ĉiuj; tial eĉ servistoj, kiuj komence simpatiis kaj kompatis lin, fine opiniis lin malica kaj lin mistraktis.

Tute malesperiĝinte, li ekpensis pri venĝo. Kaj iuvespere, post kiam li denove estis batata, Fredo ekbruligis la fojnejon per kandelo.

Rapide kaj avide la fajro ekmanĝis la sekigitan herbajon, poste la amasigitan pajlon kaj baldaŭ ĝi



J. Szervátiusz *Eva*

# IKSIONO EN LA ĈIELO

**— Benjamin Disraeli, Grafo de Beaconsfield —**
(1804–1881)

**El la angla lingvo tradukis George Gordon**

II.

La reĝo de Tesalio eniris la salonegon de muziko kun ĝiaj oraj muroj kaj kristala kupolo. La reĝino de la Ĉielo duonkuŝis en brakseĝo, tranĉe farante pavojn el folio da letera papero. Minerva per krajono faris notojn sur manskribita kopio de la kanto; Apolono humile aŭskultis ŝian laŭdan kritikon. Alia dia sinjorino, starante flanke de Eŭterpa, kiu sidis kun sia harpo, levis la rigardon, kiam Iksiono eniris. La sovaĝa fluida rigardo de ŝia mola kaj radiluma vizaĝo proklamis ŝin la diino de la belo.

Ĉe la eniro de Iksiono, Junona salutis lin nur per tre superula klineto de la kapo kaj tuj sin returnis al sia okupo. Minerva petis lian opinion pri la ŝanĝo farita de ŝi en la kanto, kaj li diris, ke li forte aprobas ĝin. Apolono salutis lin per melankolia rideto, kaj gratulis lin, ke li estas mortema. Venera komplimentis lin pri lia vizito al Olimpo, kaj esprimis la plezuron, kiun ŝi sentas, farante konatecon kun li.

— Kiel vi pensas pri Ĉielo? — demandis Venera per mola, mallaŭta voĉo, kaj kun rideto similanta someran fulmon.

— Ĝis nun mi neniam trovis ĝin tiel ĉarma, kiel en la nuna momento, — respondis Iksiono.

— Iom negaja? La plimulton de mia tempo mi pasigas en Knido; vi devas viziti min tie. Ĝi estas la plej ĉarma loko en la mondo. Oni ja diras, ke niaj ajloj odoras tiel same, kiel la rozoj de aliuloj. Ni defendos vin, en okazo se venos via edzino.

— Ho, ŝi certe ne venos. Ŝi ĉiam restas hejme kaj fieras pri siaj domaj virtoj, kiuj konsistas el la turmentado de ŝia edzo kaj malpacado kun li.

— Ha! mi vidas, ke vi estas spritulo. Tre bone. Nu, miaflanke, mi ŝatas banlokan ekzistadon. Knido, Pafoso, Citereo — ordinare vi trovos min en unu el tiuj lokoj. Mi amas la facilan distron de kariero sen videbla rezultato. En tiuj ĉarmegaj lokoj ŝajnas, ke viaj samrasanoj, al kiuj, cetere, mi havas fortegan korinklinon, estas liberigitaj el la turmentantaj katenoj de sia regula, monotona, metoda, morala, politika, labora ekzistado. Mi estas fiera, ke mi estas la diino de banlokoj. Vi ja devas viziti min en Knido.

— Tia invito ne bezonas ripeton. Knido do estas via preferata loketo?

— Nu, ĝi iam estis tia; sed lastatempe tial, ke tro amasiĝis en ĝi invalidaj Azianoj kaj malsanemaj Persoj, la samtempa enfluo de la belaj heroj, svarme venantaj el la insuloj flirti kun ties filinoj, ne kompensas la ĝenan apudeston de la flavaj vizaĝoj kaj tremantaj membroj de la unue nomitaj. Ne, mi pensas, ke entute Pafoso estas mia preferata loko.

— Mi aŭdis paroli pri ĝia grandioza lukso.

— Ho! ĝi estas belega! Ĝi tute prezentas mian idealon de kampara vivo. Ne eĉ unu arbo! Kiam estas tre varme en Kipro, oni kuras al Pafoso por ĝui demaran venteton, kaj tie oni nepre renkontiĝos kun ĉiu, kies apudesto estas eĉ la plej malmulte dezirinda. Ĉiuj teduloj, kvazaŭ instinkte, restas en Kipro.

— Mi memoras, ke tiam, kiam ni edziĝis, ni havis ideon, ke ni pasigos la mielan monaton en Citereo, sed Dia insistis, ke ŝia tualeta servistino kaj kartona skatolo estu premitaj inter nin en la ĉaro. Tial mi fariĝis malbonhumora post la unua stadio kaj reveturis sola.

— Vi estis tute prava. Mi abomenas kartonajn skatolojn. Ili ĉiam estas ĝenaj. Citereo estus plaĉinta al vi, se vi estus eĉ plej malmulte enamiĝinta. Grandaj rokoj, verdaj altaĵoj, laŭbaj arbaroj, serpentumaj vojetoj kaj belegaj sunsubiroj. En la lasta tempo mi ne ofte vizitis ĝin, — plue diris la diino, aspektante iom malgaje kaj serioze, — de kiam... sed mi ne volas paroli sentimenton al Iksiono.

— Ĉu vi do pensas, ke mi ne sentas?

— Jes.

— Eble vi estas prava. Ni mortemuloj fariĝas malmolaj.

— Tiel mi aŭdis diri. Kiel strange! — Tiel dir-

---

atakis la apudan stalon. Post nelonge la tuta domo kun multaj bestoj fariĝis viktimo de la detruema elemento, malgraŭ ĉiaj provoj estingi ĝin. Feliĉe almenaŭ homo en ĝi ne pereis.

Fredo dum kelka tempo observadis la grandiozan, horore belan spektaklon de la dombrulo en nokta mallumo. Poste li forkuris. Plurajn tagojn li vagadis kun timo kaj angora pento en la koro. Li evitis homojn, nutris sin per fruktoj. Fine oni trovis kaj kaptis lin. Li estis tute elĉerpita, duonmorta pro malsato. Jam dekomence neniu dubis, ke la fibubo kaŭzis la fajron. Ĝendarmoj kondukis lin en la distriktan arestejon

Li ne malkonfesis sian agon kaj oni sendis lin en »ŝtatan punedukejon por krimemaj infanoj.«

Tie li dum sep jaroj kruele spertadis, ke ekzistas potencoj, kontraŭ kiuj ribeli estas malsaĝe kaj vane. Li lernis respekti aŭtoritatojn, fariĝis mola, fleksiĝema. Ho, tiuj sep jaroj — la junulo eksentis malvarmon rampantan laŭlonge sur lia dorso, kiam li memoris pri ili — tiuj sep jaroj estis eterno de malsatado, humiliĝo, ricevado de batoj ...!

Tamen, finfine, hodiaŭ matene malfermiĝis la pordo de la punedukejo por ellasi Fredon »plibonigitan«. El la malgranda Fredo, kiu siatempe eniris la domon, fariĝis altstatura, malgrasa kaj tre palvizaĝa juna viro.

La vilaĝa turhorloĝo batis la trian posttagmezan. La junulo leviĝis. Ankoraŭ lastan rigardon li ĵetis sur la vilaĝon, kiu kvazaŭ sonĝante kuŝis sub li en sunbrilo. Poste li rapidpaŝe ekiris al la arbaro, enpaŝis ĝin sen refoje rigardi malantaŭen.

Longa vojo kuŝis antaŭ li. Li devis antaŭnokte veni al granda farmisto transmonte, kiu estis postulinta junlaboriston el la ŝtata edukejo. Fredo estis la »feliĉulo«, kiun oni elektis kaj sendis al li.

Ofte, ofte dum la longaj jaroj en la severa edukejo, li sopiris kaj revis pri la tempo de elveno el ĝi, de reveno en la vivon. Kaj nun, fine liberiĝinte, li sentas teruran malplenon en sia koro; li sentas gorĝopreman angoron pro la estonto, la griza estonto de ia stalservisto, de kamparana domsklavo, al kiu li renkonte iras, ŝteltrompite pri sia infaneco kaj junaĝo.

## Al Edmond Privat

koncerne la bonajn vortojn en la Ĝeneva »Esperanto«, pri kiuj nur hodiaŭ mi estas informita

Mi vidis vin, kiam via sun'
Leviĝis — en Boulogne sur Mer...
Mi vidis vin en voj' . . . Ĝis nun
Kondukas vin la am' kaj ver'.

Per via pensoplena jun'
Kaj per matura flam-labor'
L' afero kreskis . . . Via sun'
Ĉu supren nun? . . . Bategas kor'?

Saluton sendis vi al sun'
Subira jam sur mia voj' . . .
Amik' por danko prenu nun
Malĝoj-tradukon de malĝoj',

De Victor Hugo, franc-geni' . . .
Tagsun', noktstel', eterna kant'
Kunplektas sin en harmoni'
De l' belsonanta Esperant'.

*Leo Belmont.*

## Veni, vidi, vixi

— Victor Hugo 1848 —

Mi vivis jam sufiĉe, ĉar inter la malĝojoj
Mi iras, ne trovante helpantan manon nun,
Ĉar sen ridet' renkontas infanojn mi sur vojoj,
Ĉar min jam ne gajigas la floroj aŭ la sun' . . .

Ĉar en printempo, kiam benata Dia ago
Naturon feste vestas, fremdpremas nin aer'
Ĉar venis hor', en kiu forkuras ni de tago
Kaj ve en ĉio sentas suferon de mister'.

Ĉar en l' anim' la hela esper' venkita estas,
Ĉar en ĉi tiu tempo de roza bonodor',
Filin', mi spiras ombron, sub kiu vi polvrestas . . .
Mi vivis jam sufiĉe, ĉar morta estas kor'.

Mi ne forpuŝis ĉaron surtere aljuĝitan . . .
Kaj mia sulk'? — ĉi tie! . . . Kaj garb'? — vidiĝas jen!
Posedis mi rideton, de jaroj mildigitan,
Rektstaris, sed kliniĝis al la mister-kurten'.

Mi faris, kion eblis; mi servis kaj maldormis;
Kaj vidis ofte: estas ridata mia pen' . . .
Mi miris, kiam mondo min pri . . . malam' informis
Post la sufero multa, post de laboroj plen'! . . .

Sur la galeroj teraj, mi, sen flugil' zorganta,
Sangadis pro laciĝo . . . Sen plendoj, sen malben',
Mokita de kunsklavoj; per manoj, jam falanta,
Mi portis la ĉeneron de ĉi eterna ĉen'.

Kaj nun jam malfermiĝas okuloj nur duone,
Kaj mi ne returniĝas, vokata eĉ per nom',
Konfuza kaj tedata . . . Leviĝas post malbone
Pasinta nokto tiel en matenfru' la hom'.

Eĉ ne bonvolas mia malĝoja mallaboro
Respondi al ofenda de l' enviuloj zum' . . .
Ho, pordojn de la Nokto malfermu nun, Sinjoro,
Por ke mi jam eniru, perdiĝu en mallum' . . .

El la franca: *Leo Belmont.*

---

ante, la diino forglitis kaj salutis Marson, en tiu momento enirantan la salonegon. Oni prezentis Iksionon al la militisto-heroo, kiu aspektis furioze kaj tute formale sin klinis. La reĝo de Tesalio sin turnis sur la kalkanoj. Minerva malfermis albumon, kaj invitis lin verki stancon en ĝi.

— Diino de la saĝo, — respondis la reĝo, — escepte se vi inspiros min, la virga paĝo devas resti tiel pura, kiel vi mem. Apenaŭ mi povas subskribi dekreton.

— Ĉu ĝi estas Iksiono, kiu tion diras? tiu, kiu tiel multe vidis, kaj, se mi ne eraras, kiu tiel multe sentis kaj pensis. Mi facile povas imagi, kial tia intelekto eble deziras vuali kontraŭ la popolamaso siajn moviĝojn, sed mi petas, ke vi faru al Minerva la kontentigan komplimenton, certigi al ŝi, ke ŝi estas ekster tiuj, por kiuj la regulo estas farita.

— Ŝajnas al mi, ke mi aŭskultas la inspiritan muzikon de orakolo. Donu al mi plumon.

— Jen estas plumo, deŝirita de sankta noktuo.

— Tiel! mi skribas. Jen! Ĉu tio taŭgas?

Minervo legis la enskribon:

»Mi vidis la mondon, kaj pli ol la mondon. Mi studis la koron de la homoj, kaj jam nun mi kunulas kun la senmortuloj. La frukto de mia arbo de sciado estas deŝirita, kaj jen ĝi estas.

AVENTUROJ ESTAS POR LA AVENTURULOJ.
Skribita en la albumo de Minerva de
IKSIONO EN ĈIELO.«

— Ĝi estas mallonga, — diris la diino, meditante, — sed plena de signifo. Vi posedas kuraĝan animon kaj tre ampleksan intelekton.

— Mi kuraĝis multon fari; ni ankoraŭ ne scias, kio rezultos.

— Mi devas iri al Jupitero, — diris Minerva, — al la konsilantaro. Ni denove renkontiĝos. Adiaŭ, Iksiono.

— Adiaŭ, Glaŭkopis.

La reĝo de Tesalio restis staranta for de la ceteraj gastoj, kaj sin apogis, kun interplektitaj brakoj kaj enpensa frunto, al girlandita kolono. Marso aŭskultis Veneran, portante mienon de profunda sindoniteco. Eŭterpa ludis inspirantan akompanaĵon al ilia interparolado. Ŝajnis, ke la reĝino de la Ĉielo estas absorbita per la kreado de siaj paperaj pavoj.

Iksiono alpaŝis, kaj sidigis sin sur kanapo apud Junona. Lia maniero jam forigis tiun troriskeman sintenadon kaj senzorgan aplombon, kiu ordinare lin karakterizis. Li estis, eble, eĉ iom embarasata. Lia ĉiam parolpreta lango jam ne servis al li. Fine li parolis.

— Ĉu via reĝina moŝto iam aŭdis pri la pavo de la reĝino de Mezopotamio?

— Ne, — respondis Junona kun majesta sinteno; kaj tuj poste ŝi diris kun mieno de indiferenta scivolo, — ĉu ĝi estas iel rimarkinda?

— Ĝia brusto estas el arĝento, ĝiaj flugiloj el oro, ĝiaj okuloj el karbunkulo, ĝiaj ungegoj el ametisto.

— Kaj ĝia vosto? — avide demandis Junona.

— Tio estas sekreto, — respondis Iksiono. — La vosto estas la plej mirinda parto el ĉiom.

— Ho! diru al mi, mi petas, diru al mi!

— Mi forgesis.

— Ne, ne, ne; tio estas neebla! — ekkriis la ekscitita diino. — Incita mortemulo! — diris plue la diino. — Mi petegas vin; tuj sciigu min.

— Estas kialo, kiu ne permesas.

— Kio ĝi povas esti? Kiel strange! Kia povas esti la kialo? Ja diru al mi; mi petas, ke por aparte persona favoro, vi sciigu al mi.

— Kion? pri la vosto aŭ la kialo? La vosto estas mirinda, sed la kialo estas multe pli tia; mi povas sciigi pri unu sola. Nu, elektu.

— Kiel incitaj estaĵoj estas ĉi tiuj homoj! La vosto estas mirinda, sed la kialo estas multe pli tia. Nu do, pri la kialo... ne, la vosto. Haltu, nu, mi petas, ke por aparta favoro vi sciigu al mi ambaŭ. El kio povas esti la vosto, kaj kia povas esti la kialo. Efektive mi mortas pro scivoleco.

— Via regina moŝto fuŝe eltranĉis tiun pavon, — rimarkigis Iksiono neatentante. — Ĝi pli similas al unu el la noktuoj de Minerva.

— Kio grava estas paperaj pavoj, kiam la reĝino de Mezopotamio posedas tian miraklon! — ekkriis Junona; kaj pro ĉagreno ŝi disŝiris la laboraĵon de la mateno kaj forĵetis la pecojn. — Jam diru al mi tuj; se vi havas al mi eĉ la plej malmulte da ŝato, tuj diru al mi, el kio estas la vosto?

— Kaj vi ne deziras scii la kialon?

— Tion poste. Nu! Mi tuta estas oreloj. — En tiu momento Ganimedo eniris kaj flustris al la diino. Tiu, evidente en malbona humoro, leviĝis kaj foriris al Jupitero.

### III.

La reĝo de Tesalio foriris al la salonego de muziko. Ne en bona humoro, tamen ne neinfluita de iom da sovaĝa ekscito, li vagis en la ĝardenoj de Olimpo. Li venis al bela verda izolejo, ĉirkaŭita de cedroj tiel grandegaj, ke ŝajnis, ke ili devas esti samtempaj kun la kreo de la mondo; ili estis tiel freŝaj kaj brilaj, ke oni povis imagi, ke ili estas malsekaj per la roso de sia unua printempo. La herbo, pli mola ol la lanugo, kaj, pro la premado de liaj piedoj, elspiranta dolĉegan odoron, invitis lin sterniĝi sur tiu natura kuŝejo. Li sin ĵetis sur la aroman herbaĵon, kaj, sin apoginte sur la brakon, falis en profundan revadon.

Horoj forflugis. Jam la plenaj de sunlumo neproksimaj maldensejoj moliĝis per ombro.

— Iksiono, kiel vi fartas? — demandis voĉo sovaĝa, dolĉa kaj vibriga, kiel tiu de birdo. La reĝo de Tesalio vigliĝis kaj rigardis supren kun la distrita mieno de homo vekita el sonĝo aŭ el agrabla meditado pri ia stranga, dolĉa sekreto. Liaj vangoj estis ruĝiĝintaj, liaj malhelaj okuloj elĵetis fajron; liaj brovoj tremis, liaj taŭzitaj haroj flirtis en la spasma venteto.

La reĝo de Tesalio levis la okulojn, kaj vidis tre belan junulon.

Ŝajne tiu atingis la aĝon de matureco. Tamen li estis iom altkreska por sia aĝo, sed de belega kaj simetria formo. Li estis tre blonda kaj liaj iom rondaj vangoj havis koloron riĉe, sed delikate ruĝan, kiel de la rozkoloro de la krepusko; ili estis lumitaj de kavetoj, trembrilantaj, kiel la steloj. Liaj grandaj kaj malhelbluaj okuloj fajreris pro ĝojego, kaj signo de apenaŭ retenata mokado tremis ĉirkaŭ la lipoj grimacantaj pro amuzo. Liaj ruĝbrunaj haroj, tenataj for de la frunto per rubando, estis kolektitaj en densaj buklaroj ambaŭflanke de la vizaĝo kaj torente falis sur la nuko. De la dorso de la bela junulo sin etendis du flugiloj, kies tremanta plumaro ŝajne estis trempita en sunsubiro; tiel diversaj, radilumaj kaj novaj estis ĝiaj ĉiam ŝanĝiĝantaj, mirindaj nuancoj; purpuraj, karmezinaj kaj oraj; strioj de koloroj lazura, oranĝa kaj glatbrile nigra; jen vidiĝis unuopa plumo, pli blanka ol la lumo kaj brilanta kiel prujno, jen aliaj kvazaŭ el smeraldo aŭ karbunkolo aŭ kun la brilegeco de grandega brilanto! Sagujo pendis ĉe la flanko de la bela junulo, kaj li sin apogis sur pafarkon.

— Ho! dio! ĉar vi devas esti dio! — fine ekkriis Iksiono. — Ĉu mi vidas la radiluman dion de la amo?

— Mi ja estas Kupido, — respondis la junulo; — kaj mi scivolas, kion pripensas Iksiono.

— Pensado ofte estas pli kuraĝa ol parolado.

— Orakole parolanta, kvankam mortemulo! Vi ne bezonas ne fidi al mi. Mi estas certa, ke mia helpo estas necesa al vi. Ĉu oni iam ajn trovis iun en revado sur la verda herbo, sub la ombro de branĉoriĉaj arboj sen tio, ke tiu bezonis la helpon de Kupido. Tuj! parolu senkaŝe, kiu estas la heroino? Ĉu iu malsana pro amo nimfo forlasita sur la malproksima tero; aŭ, pli malbone, nefidela amatino, kies malfideleco estas pli facile forgesebla, ol ŝiaj ĉarmoj? Sendube ĝi estas mizera situacio. Ŝi ne povas esti via edzino?

— Certe ne, — akcente respondis Iksiono.

— De alia homo?

— Ne.

— Kiel! necedema virgulino?

Iksiono skuis la kapon.

— Ŝi do devas esti vidvino, — plue diris Kupido. — Kiu iam ajn ĝis nun faris tielan kriadon pri vidvino!

— Kompatu min, timinda Kupido, — ekkriis la reĝo de Tesalio, subite forlasante sian kuŝan pozicion, kaj falante sur la genuojn antaŭ la dio. — Ĉie vi estas amiko de homo, kaj ĉiuj nacioj ĵetas incenson sur viajn altarojn. Via dieca divenpovo ne trompis vin. Mi efektive estas enamiĝinta; senespere, freneze, fatale perdinta la koron. La objekto de mia pasio estas nek mia edzino, nek tiu de alia homo. Malgraŭ ĉio, kion oni diris kaj ĵuris, mi estas morala membro de la socio. Ŝi estas nek fraŭlino nek vidvino. Ŝi estas...

— Kio? kio? — ekkriis la jam senpacienca dio.

— Diino! — respondis la reĝo.

— Hŭi-i-i! — fajfis Kupido. — Kiel! ĉu mia petolema patrino favoris vin per nekulpa flirtado?

— Jes; sed ĝi neniel efikis sur min.

— Vi do havas fortikan koron. Eble vi legis poezion kun Minerva kaj estas kaptita per unu el ŝiaj Platonaj homkaptiloj.

— Ŝi metis tian, sed mi forliberigis min.

— Vi do havas fortan kruron. Sed kiu ŝi estas? kiu ŝi estas? Ĉu Heba? Ŝi apenaŭ povas esti Diana, ĉar tiu estas tiel malvarma. Ĉu ŝi estas Muzo, aŭ unu el la Gracioj?



# OBSERVO

(E. N. SETÄLÄ) KALEVALA. Finnlando festas en la nuna jaro la jubileon de la Kalevala. Ni ne scias precize, je kiu tago aperis la eposo — ĝi ne aperis tute en la jaro 1835 — sed ni scias, ke *Elias Lönnrot* detumis per la 28-a de februaro 1835 la antaŭparolon de la unua eldono de la Kalevala. Kaj ni kutimas festi tiun ĉi tagon kiel la tagon de Kalevala.

Ni multe parolas pri Kalevala, sed estas ne forigebla fakto, ke la nuna publiko tre malmulte legas ĝin. Sed same vere estas ankaŭ, ke ne ekzistas verko, kiu tiom influis la historion de la nova Finnlando. La apero de popola eposo, poeziaĵo kreita el malnovaj tempoj, komparebla al ĉiu granda verko de la monda literaturo, estis literatur-historia evento.

En Finnlando mem la apero de tiu ĉi kreaĵo de la popola poezio gajnis decidan signifon por la vivo de la finna popolo. La memfido, kiun ĝi vekis, estis la premiso por la nacia revekiĝo, kies rezulto estis la sendependa Finnlando. La penso, ke nia popolo, tre malmulte laborinta al la komuna posedaĵo de la homaro, produktis eposon kun estiminda loko en la monda literaturo, elvokis en la tiama Finnlando la kredon al la estonto de la nacio, nepre necesan por ke oni kuraĝu pensi al leviĝo de la finnoj al la rango de kultura popolo.

Sed tre strange! Ni povas diri, la Kalevala atingis tiun grandan efikon per tio, ke ĝi estis miskomprenita. Ni scias, ke la Kalevala, kiel ankoraŭ okazas nun, estis konsiderata kiel rakonto el la bona pasinta tempo, dum kiu la homoj estis pli bonaj, kaj starantaj meze de la naturo ilin ĉirkaŭanta. Nur malvarmo kaj mallumo minacis detrui la forton de la varmo kaj de la lumo. Pro tio devis ankaŭ finbatali la Kalevala-popolo la batalon simbolan de la lumo kontraŭ la mallumo, kaj la lumo devis venki la malamikon, aŭ la *Kalevala*-popolo havis fortan kontraŭulon, la *Pohjola*-popolon, kiu devis esti militata kaj de kiu devis esti forprenota la feliĉoportanta mirindaĵo Sampo, por ke la potenco de Pohjola estu nuligata. Kaj en tia tempo, tiel oni kredis, eliris la poezio de la lipoj de ĉiu homo, la popolo kreis el sia propra profunda konvinko, sen impulso ekstera, grandan unusencan poeziaĵon. Ĝin konservis la miriga memorkapablo de la popolo, kvankam dissemita en sennombraj eroj, ĝis *Elias Lönnrot* rekonis la apartenecon de la eroj kaj rekonstruis la detruitan tutaĵon.

La scienca esploro de la finna popola poezio ne povis ankoraŭ interkonsenti, kio estas kaj estis la Kalevala kaj la rilata poeziaro. Sed ne ekzistas plu diskutpunkto inter la scienculoj pri tio, ke la bela bildo antaŭ la realeco disflugas en nebulo. Ni scias nun, ke neniam ekzistis tia malnova granda eposo, kia estas la nuna presita Kalevala, eposo, en kiu esence kristaliĝis la tuta poezio de la finna popolo. Ni scias, ke en fruaj tempoj ekzistis finna poezio, diversaj motivoj, diversaj rakontoj, sed ke ili neniam formis antaŭ la apero de la Kalevala unuforman rakonton poezian. La tuto estas verko de Elias Lönnrot.

La Kalevala aŭ la eposa poeziaĵo ,kiu estas ĝia bazo, ne estas antikva ekskluziva kreaĵo de la popoloj de la finna tribo, aŭ vere nur finna kreaĵo tiusence, ke ĝiaj motivoj estus nur al ĝi propraj. Ne, oni devas nomi la Kalevala esence nord-okcidenteŭropa produktaĵo. Sendube io estas en ĝi, devenanta de la kredo el praa tempo, kaj havanta originon ekster la nordeŭropa kultura formo. Sed multaj motivoj, sur kiuj konstruiĝas la eposa rakonto, venis — el la okcidento aŭ formiĝis en Finnlando sub okcidenta influo.

La kadro, kiu formas en nia eposo la batalon inter Kalevala kaj Pohjola, ne troviĝas en la origina popola poemo. Ĝi kreiĝis nur en la Kalevala de Lönnrot. En la mezo de Kalevala staras la kreo de la feliĉo-portanta Sampo kaj la batalo por ĝi. Sed nek la popolkantistoj, el kies buŝoj venis la motivoj de Kalevala, nek Lönnrot mem sciis, kio estas la Sampo. Ni devas limigi ankaŭ la validecon de la tezo, ke la Kalevala estas tiom lerte kunmetita, ke »oni ne povas rekoni signon de martelo nek tenaĵon de la prenilo«, kaj konfesi, ke kiel tuto ĝi ne estas absolute unuforma, ke la eposa rakonto fariĝis longspira, pro tro da variantoj kaj tro multe da orakloj ne al ĝi apartenantaj.

Tiu ĉi kompreno tre diferencas de tiu, kiun havis la finnaj edukitoj ĉe l' apero de la Kalevala kaj kiu entuziasmigis ilin. La kompreno pri la mirinda fariĝo kaj la misterplena konservo de la Kalevala jam en si mem estis

---

Iksiono denove skuis la kapon.

— Nu, amiko, — diris Kupido en tute kuraĝiga tono, — vi jam diris tiel multe, ke plua retenado estus nura afekto. Tuj faciligu al vi la koron, kaj se mi povas helpi vin, fidu al miaj klopodoj.

— Bonfara dio! — ekkriis Iksiono, — se iam mi reiros Larison, mi faros, ke la plej bela templo en Grekujo nomu vin sia inspiranta diaĵo. Mi turnas min al vi kun la plena konfida malkaŝo de sindona adoranto. Sciu, do, ke la objekto de mia revado ne estas iu malpli altranga, ol la reĝino de Ĉielo mem!

— Junona! per ĉio sankta! — ekkriis Kupido.

— Jen mi estas, — respondis voĉo de senegala melodio. La majesta figuro de la reĝino de Ĉielo venis el proksima laŭbo. Iksiono staris kun la okuloj fiksitaj sur la tero, kun forte batanta koro kaj brulantaj vangoj. Junona staris senmove, pala kaj mirigita. La dio de la amo ekridegis.

— Kia bela paro! — li ekkriis, flirtante inter ili kaj ridetante al ili en la vizaĝon. — Vere bela paro. Nu! mi vidas, ke mi embarasas vin. Adiaŭ! — Tiel dirante la dio tiris du sagojn el la sagujo, kaj fulme rapide pafis po unu en la bruston de la reĝino de Ĉielo kaj en tiun de la reĝo de Tesalio.

IV.

La ametista krepusko de Olimpo iom post iom malfortiĝis ĝis malapero. La steloj brilis kun nuancoj de ĉiu koloro. Iksiono kaj Junona reiris la palacon. Ŝi apogis sin sur lian brakon; ŝiaj okuloj estis fiksitaj sur la tero; ili estis en vidproksimo de la grandioza konstruaĵo, kaj ŝi ankoraŭ ne parolis. Ankaŭ Iksiono estis silenta, kaj distrite rigardis la stelplenan ĉielon.

Kiam ili estis en distanco de ne pli ol cent metroj antaŭ la portalo, Junona subite haltis, levis la rigardon al la vizaĝo de Iksiono kun nerezistebla rideto kaj diris,

— Mi estas certa, ke vi ne plu volas ne diri al mi, el kio estas la vosto de la pavo de la reĝino de Mezopotamio.

— Mi jam ne volas tiel, — diris Iksiono. — Sciu, do, bela diino, ke la vosto de la pavo de la reĝino de Mezopotamio estis el iom da plumaro, ŝtelita de ŝi el la flugiloj de Kupido.

— Kaj kia estis la kialo, kiu malhelpis, ke vi ĝis nun sciigu min pri tio?

— La kialo, belega Junona, estis, ke mi estas la plej diskreta el la homoj kaj ĉiam konservas la sekreton de sinjorino, kiel ajn bagatela ĝi estas.

— Mi ĝojas aŭdi tion, — respondis Junona, kaj ili reiris la palacon.

poemo. Ni rajtas rigardi la veron en la vizaĝon. La finna popola eposo kapablas altigi la finnan senton nacian. Ĝi estas tiom grandioza kaj ĝeneralhoma trezoro, ke ne ekzistas io simila sur tiu ĉi tereno. La nomo Kalevala plilarĝiĝis por ni en nuna tempo por esprimi la tutan grandegan kantotrezoron, kantitan de nia popolo, kaj de ties amplekso oni havas ideon, se oni aŭdas, ke la malnovaj kantoj de la finna popolo plenigas presite 30 fortajn volumojn. La teritorio de la finna kantado transpaŝas la politikajn limojn, al ĝi ankaŭ apartenas la kantoriĉa *Estonio*.

La presita Kalevala prezentiĝas hodiaŭ nur kiel varianto plej ampleksa kaj plej impona inter multaj aliaj. Por la esploro ĝi sola estus nur tre mankhava fonto kiel ĉiu alia popola poeziaĵo, de kiu estas konata nur unu formo. Ju pli da variantoj ekzistas, despli facile oni povas konstati, kiajn ŝanĝojn transpasis la poemo en la migrado de homo al homo, de regiono al regiono. Se kanto per la helpo de la esplorado estas analizita en siaj elementoj, povas konstatiĝi, kio estis propra kaj kio estis pruntita. Kaj ofte la pruntaĵo estas por la esploro pli grava ol la propra, ĉar la pruntaĵoj montras, kian vojon iris la homa kulturo. Fine, ne ekzistas diferenco inter pruntitaĵo kaj propreca]o. Ĉio estis pruntita, almenaŭ de pli fruaj generacioj. Ĉio estas ankaŭ propreca, ĉar la popola poezio kaj ĉiu kultura laboro signifas alproprigon de transprenita heredaĵo al unu spirita propraĵo kaj al ties pliigo.

Niaj kantoj ne povas lumigi la migradvojon kaj la formiĝon de la homa kulturo, sed ili povas helpi al klarigo pri la estiĝo de l' tielnomataj popoleposoj, eĉ pri la demando, kiel fariĝis ĝenerale tia popola poeziaĵo. Pro tio la finna popola poezio estas unu el la plej gravaj fontoj por ekkoni la antikvecon de la finna popolo, kvankam iliaj motivoj atingas eĉ nian epokon. Ĝi estas ankaŭ fonto por ekkoni la animan vivon de la finna popolo, ja eĉ de la homa animo ĝenerale.

Kaj nun la valoro de la Kalevala kiel poezia verko entute — ĉu ĝi estas senvalorigita sekve de la rezultoj de l' scienca esplorado? Ĉu ĝi estas malpli valora pro tio, ke ĝi ne estas tiom antikva en ĉiuj siaj partoj, kiel oni supozis pli frue? Ne la motivo, sed ĝia prilaboro rezultigas la poezion. Ni vidas ĉie, ke ĉe kultura laboro ne gravas ĉefe, kion tiu popolo, tiu aŭ alia individuo transprenis de aliaj, sed kion ĉiu igis el la pruntitaĵo propreca al si kaj kiel ĉiu evoluigis ĝin. Ankaŭ ne estas ĉefa afero por la arto, kio datas de malnova tempo, sed kio estas eterna sekve de tio, ke ĝi transpasas la tempon. Kaj eterna estas tio, kio estas vera poezio.

La finna popolo ricevis en sia avara nordo por konsoliĝi la donon de l' kanto. La kanto plenigis la koron je kuraĝo, kiam la popolo suferanta pro malsato, milito kaj subpremo, ŝajnis esti kondamnita al pereo. La vortoj kaj melodioj de la malnovaj kantistoj vekis, denove resonigitaj antaŭ cent jaroj, la finnan popolon por akceli lumon kaj liberon. La finna popolo havis ankaŭ en malhelaj tagoj la kuraĝon, konservi siajn belegajn revojn. Kaj iam venis la tago, kiu pruvis, ke revo entenas pli profundan veron ol la ĉiutaga prudento. (Tr.: *Maalainen.*)

(MH) MAURIAC: LA FIN' DE LA NUIT. Ĉu vi memoras pri Thérèse Desqueyroux? Pri l' virino, kiu vivas en la mondfora, malvasthorizonta regiono de Landes, en dezertatmosfera familia domo, apud malgrandanima edzo, en karcero pli prema ol ĉiu karcero ŝtona. Sensentiĝinte kaj maŝine ŝi vivas, senĝoje naskas sian infanon; el la dezerteco ŝi ne vidas elirvojon (religiaj kaj familiaj tradicioj malebligas eĉ la penson pri eksedziniĝo), kiam foje, per hazarda incidento, ekbrilas antaŭ ŝi la espero de l' savo. Ŝia edzo, pro eraro, prenas el sia arzena medikamento dozon pli grandan ol li devus, kaj Thérèse ne atentigas lin, eĉ ŝi mem miksas de tiam la venenon en lian manĝaĵon. La kuracisto eksuspektas, malkovras ŝian atencon kaj ŝin denuncas. Sed la familio, por sia prestiĝo, ŝin defendas. La tribunalo ekskuzas Thérèse-on. Nun ŝi kredas, ke malkaŝinte sincere sian animstaton antaŭ la edzo, kaj pentinte pri sia kulpo, ŝi povas komenci novan vivon. Sed la edzo ŝin rigardas kun tia obtuza senkompreno, pensante nur materiajn kaŭzojn, havante nenian koncepton pri tio, kiel netolerebla vivkunulo li estis por la altinteligenta kaj soifanima Thérèse, ke al ŝi haltas en la gorĝo la klariga kaj pripenta parolo. Surdanime ŝi toleras, ke oni forigas de ŝi ŝian infanon, kaj traktas ŝin mem, ekskomunikinte ŝin el la familia vivo kaj gardante nur pri la ekstera ŝajno, kiel sklavon de la familio. Kiam la plua daŭrigo de ĉi tiu stato, kiu komencas grave endanĝerigi la nervojn de Thérèse, iĝas superflua sekve de certaj cirkonstancoj, la edzo fine konsentas pri la viv-apartigo kaj Thérèse iras, sola, al Parizo.

Antaŭ dek jaroj verkis Mauriac la romanon pri Thérèse Desqueyroux kaj de tiam li ne povas de ŝi liberiĝi — ĉi tion ni legas en la antaŭparolo de la Fino de la Nokto. La figuroj de Mauriac signifas vivan realajon ankaŭ por li mem. Kia povas esti la vivo de kulpa virino, kiu rifuĝis sole de la puno, sed ne de la kulpkonscio kaj kiun ne nur premas la ŝarĝo de la farita kulpo, sed kiu kun mirinda klareco vidas la malbenon ŝin premegantan.

La aŭtoro sole konjektigas la historion de tiuj jaroj, kiujn Thérèse trasuferis en la duba pozicio de aparte vivanta edzino, serĉante kaj ne trovante konsolon en fuĝaj amoj. Nun, en sia 45-a jaro, malsana, soleca kaj anime prirabita ŝi rigardas kontraŭ sia vivkrepusko. Sian filinon, kiu de tiam elkreskis, ŝi vidas nur tre malofte; kaj cetere: tiel frue ŝi forŝiriĝis de ŝi, ke vera sento ne povis en ŝi evolui. Sed jen, iuvespere, kiam ŝia soleco premas ŝin kun tia pezo, ke tio estas preskaŭ neelportebla, aperas neatendite la filino. Ŝi estas enamiĝinta al junulo, Georges Filhot, kaj petas sian patrinon pri subteno. La junulo estas de pli malalta deveno ol Marie Desqueyroux kaj la familio malaprobas tiun amon; tamen, ne tio estas la ĉefa malhelpo: Georges, kiu estas nur 22-jara kaj studas en universitato, ne volas sin ligi definitive; li amas Marie, sed tute ne tiel pasie kiel la knabino lin. Ankaŭ la Filhot-familio ne simpatias al la geedziĝo, ĉar vane la tribunalo ekskuzis Thérèse-on, kaj vane pasis de tiam 15 jaroj, la historio ne estas forgesita. Marie kaj Georges scias nenion certan pri la pasinto de Thérèse, sed Marie, per siaj senindulgaj demandoj, devigas la patrinon je konfeso. Animskue rakontas Mauriac tiun kunfrontiĝon: la senkulpa junulino estas malice senindulga kaj egoisma; eĉ la kulpo ŝin indignas nur tiom, kiom ĝi influas ŝian interrilaton kun George. Male, la kulpa virino pardonas la kruelan filinon kaj volas rezigni pri sia havaĵo por ebligi la geedziĝon; ŝi surprenas eĉ tion, ke ŝi parolos kun la junulo en la intereso de Marie. Georges estas revema, nematura, esplorema animo; lin altiras la vivsekreto de la mistera Thérèse; kaj, kiam ili interkonatiĝas, sufiĉas al li kelkaj momentoj, por ke li eksentu en ŝi la animparencon, kiu same forsopiras el la ĉiutago kiel li, kaj apud kiu li povus retrovi sin mem.

Marie devas revojaĝi al sia patro. George pasie konfesas sian amon al Thérèse, sed tiu, kvankam ŝia koro ektremas de la nekredebla feliĉo, ke ŝi ankoraŭ povas veki en iu amon, lin rifuzas. Ŝi rifuzas lin ne nur per vortoj, sed ankaŭ per la heroa movo, per kiu ŝi reglatigas de sia kalviĝinta frunto la harojn por aspekti malbela kaj maljuna. Tiu sceno donas la veran reliefon al la figuro de Thérèse: tiun de l' kulpulino, kiu batalas kontraŭ la devena peko radikanta en ŝi kaj en ŝia sorto, kaj kiu »diras neon al la leĝo ŝin tretanta«. Georges malespere forkuras, sed antaŭe li promesas al Thérèse, ke li restos fidela al Marie, dum li vivos. En la kapo de Thérèse nur poste ekfulmas la senco de tiuj vortoj. George ĝis mateno ne revenas al sia loĝejo, kie lin serĉas Thérèse, timeganta de katastrofo: ŝin akceptas lia amiko, Mondoux, kiun same plenigas per angoro la foresto de Georges. Kaj kiam Georges, kun taŭzita animo, revenas el sia nokta vagado, Mondoux ĵetas gravajn riproĉojn al Thérèse kaj ordonas al ŝi foriri. Tio estas pli ol kiom Thérèse povas elporti. Ŝi vidas, ke ŝi portas ĉien nur malfeliĉon, eĉ kiam ŝiaj intencoj estas plej puraj; ŝi ja faris la plej grandan oferon, kiun povas fari maljuniĝanta soleca virino: ŝi rezignis ne nur pri la lasta amo, sed eĉ pri kio ŝi pleje sopiras en sia terura kaj eterna

ŝoleco, pri la proksimeco de homa estaĵo. Ŝi rompiĝas korpe kaj anime; vizioj ŝin persekutas; la figuroj de la homa justofaro miksiĝas en sia febra fantazio kun la potencoj de la fatalo; ŝi sentas, ke la sorto volis ŝin devigi eĉ je tio, ke ŝi pelu Georges-on en memmortigon, sed ŝi savis lin kaj tion neniu al ŝi kredas. Fine Marie ekkompatas ŝin kaj ŝi, nun spasme kroĉiĝante al sia filino, en kies intereso li agis, serĉas rifuĝon kontraŭ la imagaj persekutantoj en la domo de sia edzo, en Saint-Clair.

Georges, kun la konscio, ke la maljuna, malsana, kulpa Thérèse estus la vera kunulino de lia animo, revenas al la ĉiutago kaj fianĉiĝas al Marie; kaj Thérèse, en la sama dezerta, malgrandanima, senama medio, en kiu ŝi junaĝe baraktis kaj enkulpiĝis, atendas la finon de l' vivo, la finon de l' nokto.

Tiu ĉi historio, pentrita sur nigra fono per nigraj koloroj, mirinde, tamen ne afliktas la leganton, sed vekas purigan, malpezigan senton de kompato. Ni renkontas veran verkiston, veran poeton. Mauriac, en tiu ĉi verko, superis sin mem kaj atingis vere Proustajn altojn. Tiu duobla, eĉ plurobla lumigo, en kiun li metas sian heroinon per ties perfekta sentigo, kiel ŝi vidas sin mem ne nur per siaj propraj okuloj, sed ankaŭ per la okuloj de la ceteraj, donas al ŝia figuro eksterordinaran plastikecon. Mirinda estas la atmosfero, kiun li kreas ĉirkaŭ la du junuloj, Georges kaj Mondoux; ĝi estas tiu kaosa sentmondo de la apenaŭ forlasita puberto, de la junaĝo nematura, sed plena de akuŝaj internaj nekonsciataj valoroj, kiu estas senpova apud pli akra juĝo, pli vasta sperto de la pli aĝa homo. Tamen, la plej granda forto de Mauriac estas lia stilo, tiu neklarigebla potenco de lia voĉo, kiu kreas la »incantation«, la ensorĉadon, kaj kiu, eĉ en la figurado de la tragikaj kaj senkonsolaj vivokazaĵoj, konservas tiun puran ekvilibron, kiun povas doni nur la profunda trakompreno de la humano kaj al kiu ĝisvenas nur la plejgranduloj.

La figuro de Thérèse Desqueyroux, se oni povas antaŭdiri, restos viva same, kiel tiu de alia kulpulino, sinjorino Bovary, kiun same la malvastaj muroj de ŝia medio kaj vivo ruinigis morale. Thérèse pekas multe pli grave, ol la heroino de Flaubert — ŝia kulpo, en sia antaŭdeciditeco kaj malrapida plenumo ja estas unu el la plej nigraj agoj — sed des pli aŭdaca estas la entrepreno de la aŭtoro, kiu montras al ni la luktojn kaj suferojn de tiu damnita animo.

Thérèse ne mortas en tiu ĉi verko. Kial ne, tion klarigas Mauriac jene: »*Je ne voyais pas le prêtre qui devait recevoir la confession de Thérèse*«. (Mi ne vidis la pastron, kiu povus preni la konfeson de Thérèse.) De tiam — li diras — li renkontis tian pastron en Romo. En novelo li intencas raporti pri tio, kiel Thérèse akiris pekpardonon.

(A.) EL INTER VAKSPUPOJ GIS LA COMÉDIE FRANÇAISE. La dramon duaktan verkis Denys Amiel kompanie kun André Obey. Kelkfoje oni ĝin ludis, en tute etaj teatroj. Preskaŭ senrimarke. En 1921, en la miniatura ĉambrego de la Musée Grevin, plena de vakspupoj, oni ĝin ludis unuafoje, en la kadro de spektaklo por infanterianoj kaj servistinoj. La kelkaj kritikistoj ĉeestintaj ĝin laŭdis ĝis la ĉielo. Tamen ĝi ne povis ĝis nun (malgraŭ la dumtempa famiĝo de Amiel) akiri por si lokon en iu pli granda Pariza teatro. (Nur en la *Théatre des Mathurins* oni ĝin ludis dum unu semajno.)

La nesuperebla aktorino itala, Emma Grammatica, fine malkovris tiun mizersortan verketon, kaj igis ĝin, dum siaj artvojaĝoj, neforgesebla kiel unu el ŝiaj plej brilaj programpecoj. Nun fine, post dekkvarjara odiseado, fine ricevis kontentigon la Ridetanta Sinjorino Beudet *(La souriante Madame Beudet)* per tio, ke la unua teatro de Francujo ĝin prenis en sian programon.

La protagonistino estas tia moderna sinjorino Bovary. Ŝia vivkunulo, sinjoro Beudet, estas tipa filistro-edzo. Okupiĝi pri sia edzino, precipe pri ties anima vivo kaj problemoj, li havas nek tempon nek volon; li zorgas nur pri la prosperado de lia negoco. En la tirkesto de sia skribotablo li tenas senŝargan revolveron, kun kiu ludi iĝis lia ĉiutaga kutimo. Interparolante kun siaj amikoj, li ofte ĝin elkaptas subite. Li premas ĝin al sia tempio kaj ektiras la ĉanon. Aŭ li celas al la ĉeestantoj kaj pafadas sur ilin per la malplen-tuba revolvero. Kaj ege li ridas, se tiuj teruriĝas.

Divenu la ceteron. Venas la drama streĉo; la granda sceno. Sed ne timu. Anticipe mi garantias la gajan finon.

Iuvespere, kiam sinjorino Beudet estas speciale plena de amaro kontraŭ sia edzo, ŝi decidas, ke ŝi restos sola. Vane la edzo ŝin invitas al la teatro. Ŝi ne iras. Por venĝi, la edzo ŝlosas la fortepianon, elĵetas la florojn, kiuj estis sola konsolo por la virino. Kaj nun sekvas, kion ni atendis. Apenaŭ li eltiras la piedon el la ĉambro, sinjorino Beudet kuras al la skribotablo. Li ŝargas la revolveron servantan al la edzo por amuziĝo.

En la dua akto, ŝi pripentas sian faron. Ŝi volus elpreni la kartoĉon. Sed — jam malfrue. La edzo jam sidas en sia kutima loko, kaj ŝi neniel povas lin forigi de tie.

Beudet elprenas la revolveron. Li diskutas, interparolas, ŝercas. (La korfrapoj de la publiko klare aŭdiĝas en la sufoka, tima silento.) Fine li ektiras la ĉanon. La revolvero, turnita ĝuste al la edzino, ekpafas. Tondro. Krieto. Teruro.

Feliĉe, la sinjorina moŝto ne vundiĝis.

Sed tio ne povas disigi la mortan hororon de la edzo. Laŭ lia opinio, la edzino tial ŝargis la revolveron, ĉar ŝi volis fari, pere de sia edzo, memmortigon al si.

Li kaptas en la brakojn la ploregantan virinon.

Li parolas al ŝi, kiom li povas kiel anim-manka komercisto, pri amo, komunaj vivceloj kaj sentoj.

Li sukcesas ŝin konvinki. La edzino konsentas, ke ŝi ne forĵetos de si la vivon. Nek la edzon.

Kaj la publiko, kun ruĝploritaj okuloj kaj ruĝplaŭditaj manplatoj, ekiras al la elirejo.

MAX LIEBERMANN la fama pentristo germana mortis vendredon, 8. febr. 1935 en Berlin atinginta 87 jarojn. (Laŭ la gazetoj.)

Kun li mortis la lasta granda kaj la plej reprezentanta pentristo germana de la generacio maljuna, pli precize de la generacio de la impresionistoj. Liajn du kunfratojn en la arto, Max Slevogt kaj Lovis Corinth li nur transvivis



J. Szervátiusz — *Virino*

du respektive dek jarojn. La nunaj cirkonstancoj ne facil-igis al li la lastajn vivjarojn, sed li elportis la novan reĝimon digne kaj humore. De liaj oficoj, speciale tiu de la prezidanteco de l' Akademio Prusa de Belartoj, kiun li okupis dum longaj jaroj, li mem foriris post la politika ŝanĝo, libervole kaj kun digna deklaro, proteste kontraŭ la politika niveligo de la arto.

Max Liebermann naskiĝis 20 julio 1847 en Berlino. Li estis berlinano kaj restis tia. Kaj ĉiam li loĝis en la sama domo, de la gepatroj ĉe la Pariser Platz. La unuan instruon li ricevis ĉe la berlina ĉevalpentristo Steffeck, laboris en Weimar ĉe Pauvels kaj venis 26-jara al Parizo, kie lin altiris forte Munkácsy kaj Millet. Vojaĝo al Nederlando, kio lin proksimigis al la arto de Josef Israel, finis la instru- kaj migradjarojn.

Berlino estis la centro de lia agado, escepte de la jaroj 1878—1884, kiam li restadis en München. En Berlino li kreis baldaŭ al si gvidan pozicion, ne nur kiel artisto, sed ankaŭ kiel organizanto. La juna progresema generacio ariĝis ĉirkaŭ li. Por valorigi ideojn novajn, li kreis en 1898, kun Leistikow kaj aliaj, la faman Berlinan Secesion, kies prezidanto li estis dum longaj jaroj. Escepte de kelkaj vojaĝoj someraj, al Nederlando, la artisto malofte forlasis Berlinon kaj ties ĉirkaŭaĵon. Li preferis pentri en sia kampara loĝdomo apud la Wannsee.

Max Liebermann estas la fondinto kaj la ĉefa reprezentanto de la germana impresionismo. La komenco tamen ne estis tia. Nur en aĝo de kvardek jaroj montriĝis ĉe li tiu ĉi stilo. De tiam li sinsekve formis kaj evoluigis ĝin, kaj kondukis ĝin al venko en Germanujo. En fiera vico kaj en larĝa temperamentoplena pentrado fariĝis liaj pejzaĝoj, »la banantaj junuloj«, »la rajdantoj ĉe la bordo«, la motivoj el Nederlando, la pololudantoj kaj ĉefe la multegaj portretoj, kiuj igis lin plej fama.

Liebermann estis ne nur granda pentristo, li estis ege spiritplena homo. Liaj verkoj pri arto (Degas, 1898; Josef Israels, 1901; La fantazio en la pentrado, 1904; La »Gesammelte Schriften«:) ĉiuj apartenas al la plej saĝa kaj klara iam skribita pri arto. Kaj apud Degas, Liebermann estis verŝajne la plej humorplena inter ĉiuj artistoj. Multaj de liaj eldiroj en tiu specife berlina maniero, trafa, pipra, neglektema, estas en sia efiko verdire klasikaj.

Talento estas karaktero. *G. Agricola.*

(V.) GIOVANNI PAPINI, POLEMIKISTO. Du malsamaj homoj kunestas en Giovanni Papini: la hagiografo kaj la polemikisto. Eble pro tio, ke la granda itala verkisto posedas tian temperamenton, kian nur la sankteco plene kontentigas; kaj evidente la sankteco ne abundas en tiu ĉi mondo. La nobla sento de Papini, ĉiam dezirante ke la homo estu supera al si mem, multfoje spertas profundan elreviĝon antaŭ la ĝenerala senindeco. Kaj ĉar la arda volo al la absoluto, kiu lin ĉiam instigis, ne permesas, ke li pardonu tiun senindecon, la polemikisto montriĝas entute pli aktiva, ol la hagiografo.

Li ja donis al ni la *Storia di Cristo* kaj *Sant' Agostino*, sed eĉ en tiuj libroj li plektis, kune kun la laŭdoj por la sankteco, plej akrajn satirojn kontraŭ *ne-sanktaj*. Kaj la fervoro kun kiu Papini priskribas tion, kion li adoras, egalas nur la triumfan koleron, kun kiu li svingas la vipon.

Tragika kolero: ĉe Papini, same kiel ĉe ĉiuj grandaj satiristoj, regas ia melankolio tre proksima al la malespero. Tiurilate la *Gog* estas same senespera kiel la *Gulliver's Travels*, ĉar eble nur ĉe Swift ni povas retrovi simile mordan elokventon de justa furiozo. Al tio aldoniĝas ia riĉe rafinita kruelo miksita kun tre liberesprima popola vervo, trajto esence propra al la toskananoj. Papini ne povas pardoni al la filozofoj, kiuj ne satigis lian deziron je idealo, kaj liaj »draŝadoj« estas faritaj kun iom rabia entuziasmo, kvazaŭ por kaŝi la ĉagrenon de seniluziiĝo. Same la obstina irlandano ne povis pardoni al la homa naturo, ke ĝi perfidis sian idealon. Tio estas la vera senco de la grandaj satiraj verkoj de Giovanni Papini ekde la *Stroncature* kaj la *Crepuscolo dei Filosofi* ĝis la *Pietra Infernale* aperinta antaŭ kelkaj semajnoj.

Sed kio diferencigas la polemikon de Papini disde tiu de Swift kaj ĝin parencigas multe pli al tiu de Léon Bloy, tio evidentiĝas en ĝia *misia* karaktero. Papini plenumas sian taskon de kritikisto kvazaŭ apostoladon. Ne la skeptikismo lin inspiras, sed male la certeco pri ebla perfektiĝo; kaj li frapadas senkompate, per la glavo de l' anĝelo, per la fulmo de la profeto, per la ŝnuro, kiu pelvipis la komercantojn el la templo, ĉion, kio kontraŭstaras tiun certecon. La kritiko fariĝis por li kredo-agado, kaj, ĉar li prenis sur sin la respondecon de mastro, de gvidanto, de piloto de l' animoj, li volonte ekskomunikas la nekredulojn kun teruraj anatemoj.

La akra genio de Papini sin larĝe disvolvas en tiuj senkompataj kaj senrezervaj »draŝadoj«, pri kiuj li neniam povis rezigni en sia tuta verkista kariero. Kia sukoplena vervo, kia morda atakemo! En la ebrio de l' batalo la militanto nek kalkulas nek mezuras siajn mortigajn frapojn! En praforta lingvo, plena de viziaj ekflagroj, foje kun la severa koncizo de Machiavelli, foje kun la kolora liriko de la Biblio, Papini disĵetas siajn fulmojn. Lia stilo tumultas, torentas, impetas, flamas precipe en la *Sendanka Almozulo*.

Tiu *infera ŝtono* — titolo de lia lasta libro — simbolas lian propran vivon. Ĝi bruligas detrue ĉion atingatan, kaŭterizas ĝisradike la malsanajn mensojn kaj erarajn sistemojn. Ĉu ĝi mem ne eraros foje? Ĉu ĝi ne trafos sanan histon preter la vundo? Tiuj estas ekscesoj neeviteble propraj al ĉiu polemiko. En fako, kiu dependas de la kredo kaj konvinko, t. e. de pure individuaj kaj internaj faktoroj, neniu povas efektive juĝi, ĉu la celo estis mistrafita aŭ ne. La polemiko estas postulo de la spirito kaj de la koro, kaj nur la polemikisto sola povas plene percepti ĝian neceson.

(V.) SARA ALELIA de HILDUR DIXELIUS. Kio estas kristana romano? Ĉu rakonto en kiu, *ĉiu bone kondutas?* Ĉu aventuro, kiu bone finiĝas, kiel tion opiniis la anglaj verkistoj en la lasta jarcento? Ne, kristana romano devas esti esence reala, ĉar la kristanismo estas ja afero ĉiutaga, havanta profundajn radikojn en la vivo mem; alie konceptita ĝi fariĝas nur sensuka doktrino. Kaj ni kuraĝas aserti, ke pesimista romano de Thomas Hardy estas verŝajne pli kristana, ol iu ajn *happy end* laŭdire edifa. La vera kristana romano parenciĝas iagrade al la naturisma romano. La savpromesoj de la Evangelio devas doni al la homo laŭfaktan koncepton pri sia tera vivo kaj la sobran kuraĝon konfesi sian malnobliĝon. Kaj estas necese koni la abismojn de l' animo por malkovri la signon de supernaturaj potencoj. Cetere la graco alvenas nur en la »abismo«. Ĝin oni antaŭsentas en la verko pro la ŝajne pesimisma tendenco, kiu montriĝas jam de la unua paĝo. Tiu tendenco estas nek cinika nek kompleza: ĝi kondukas al la espero, kiu ĝin transcendigas.

Oni jam diris pri *Sara Alelia*, ke ĝi estas romano de la graco. Jes, sed ĝi estas unue romano de la morala sinperdo. Ĝi vive ilustras la faman lutheran paradokson: *simul peccator et justus.* Ankaŭ Kierkegaard skribis, ke por helpi al la homa animo, oni devas unue iri tien, kie ĝi estas. Tial, la libro de Hildur Dixelius vekas konsolon, ĉar nenion ĝi kaŝas, ĉar ĝi venas renkonte al ni tien, kie ni estas. En ĝi regas la profunda ĉarmo de Selma Lagerlöf; eble malpli da arto, malpli da sensebla lirismo, ol ĉe la aŭtoro de *Gösta Berling*, sed korprema sobreco ĉiupaĝe. Tuta virina vivo larĝritme disvolviĝas meze de akre konturitaj figuroj kaj nordaj pejzaĝoj. Tiu virino estas nek anĝelo nek sanktulino. Ŝi multe pekis, ŝi baraktis en la fundo de la homa senespero. Kaj venas maljuna pastro, kiu zorgas pri ŝi... neforgesebla tipo, tiu Norenius! Speco de nealirebla urso, ĉiam spitanta al la civitaj konvencioj. Kaj graco aperas en ŝia vivo kaj de tiam konstante ŝin akompanas. Naskiĝas kaj kreskas la filo, kaj poste la infanoj de la tria generacio. Estas rimarkinda trajto de la nordaj romanverkistoj enkonduki la sinsek-

## Ĉagxo plua

Horloĝo batas dekduan.
Kaj apud la skribotablo,
mi fermas la libron enuan.
Al Diablo!

La dorson kurbigas pigre
vekite de hora bato
kaj voston hirtigas migre
mia kato.

Jam tag' plua fume svenas,
Plu paŝis ni al la mortado . . .
Ve, tion vi ne komprenas
Bestkamarado!

**A. Nunez Dubus.**

vor de pluraj generacioj kiel elementon de la dramo.

La poezio de *Sara Alelia* estas kelkloke konsterne emociveka; ĝin naskas la faktoj kaj ne la rimarkoj de la aŭtoro. Ekzemple la danco de la eta Eva en la aĉa mansardo, kie ebriiĝas kaj blasfemas ŝia maljuna patro, kaj dek aliaj infanaj scenoj, pensigas pri Andersen.

Ĉiu havas propran koncepton pri la realo: ĝi dependas de nia rigardo sur la mondon. La »realista« rigardo de Hildur Dixelius vidis en la ĉiutaga vivo strangajn dramojn, profundajn sensencaĵojn, konsternajn apartaĵojn de la homa karaktero. Kiel bone ŝi priskribas ekzemple tiun mustelvizaĝan bien-servistinon, kiu enterigas sian infanon, kun preskaŭ beste senkulpa trankvilo.

La superstiĉo vagas en la dezertaj kamparoj; aperas frenezuloj, histeriaj virinoj, ebriuloj, kiuj komentas la Sanktajn Skribojn; eble regas mistere ankaŭ sanktuloj memignoraj kaj nekonataj. Kaj sur tiun kontrastoplenan mondon, sur tiujn vivojn dolorajn, banalajn, kortuŝajn, mispaŝajn, minacatajn aŭ harmoniajn falas la spuroviŝa neĝo, simbolo de la luma kaj pardona kompato.

La ĝenerala silento de la kritiko pri tia neordinara verko povus nin konduki al amaraj konkludoj. Sed *Sara Alelia* trovos sian publikon, ĉar tiu libro havas la tempon antaŭ si kaj por si.

(V.) MAURICE ROSTAND: LA PROCESO DE OSCAR WILDE. Necesas ne nur talento sed ankaŭ granda takto por surscenigi Oscar Wilde. Imagu nur, kion Maurice Rostand estus farinta el ĝi antaŭ dek jaroj: eble dramon en versoj, eble apologion. Nun, tiu speco malaktualiĝis. Tion li bone komprenis kaj, travivinte kvazaŭ moralan enkarceriĝon, ankaŭ li malkovris la veron kaj la simplecon. Kompreneble, ĉar li havis per tio plej bonan okazon moki la publikon, li ĝin uzis tre lerte. Laŭ li, oni persekutis Wilde ne pro liaj bedaŭrindaj moroj, sed pro tio, ke li estis amoplena poeto. Ĉiuokaze, oni neniam provokas senpune la sociordon, precipe en Britlando, kie la diskuto pri certaj aferoj estas sisteme evitata pro boneduko aŭ hipokriteco. Kaj Oscar Wilde estis seneduka viro. Krome li estis irlandano kaj ekprocesis kontraŭ la markizo de Queensburry! Ĉu ne freneze?

Fakte la respondeca estis lord Alfred Douglas, kiu restas la plej antipatia figuro de la dramo teatra — kaj reala. La unua akto montras, kiamaniere, pro malamo al sia patro la markizo, li konsilas al Wilde tiun fatalan paŝon. Tiu mielhara Alcibiado — nuntempe vivanta — ŝajne elektis la plezuron kiel nuran vivcelon.

En la dua akto: la proceso estas perfekte surscenigita. Poste sekvas la karcero, kaj la intereso de la dramo, pograde pliiĝinta, atingas sian supron en la anim-puriĝo de Wilde, pere de la doloro kaj soleco. Tial, la verko de Maurice Rostand, kiu povus impresi ĝena, montriĝas tute morala. Wilde venkis sian sorton. Li fariĝis mastro de si mem.

Sian materialon la aŭtoro ĉerpis el la plej fidindaj atestoj, el la protokolo de la proceso kaj el la notoj de samtempanoj. Inter tiuj lastaj elstaras Frank Harris, kiu tre bone konis Wilde kaj lin pentris en sia duvoluma *Vivo kaj Konfesoj de Oscar Wilde.*

La barbareco de la puno, kiun Wilde suferis, vekis siatempe justan indignon kaj proteston flanke de kelkaj verkistoj. Ĉiutage li devis per la fingroj diserigi ŝnurpecon gudrumitan, kian oni uzas por fiksi ŝipojn, poste li devis amasigi kanon-kuglojn en angulo de korto, porti ilin al alia angulo kaj plurfoje rekomenci la saman sensencan laboron. Kiam tio finiĝis, oni lin metis en grandan radon, kiun li devis turni per la piedoj dum kvaronhoro; kvinminuta ripozo kaj la terura marŝado rekomenciĝis. Sir Edward Clarke, la advokato de Wilde, detale rakontis pri tiu malhumana traktado. Kaj tiuj aferoj okazis antaŭ apenaŭ kvardek jaroj.

(V.) ERASMUS laŭ Stefan Zweig. La majstra studo de Stefan Zweig pri Erasmus montriĝas mirinde aktuala. Ĝis nun oni verŝajne neniam prezentis tiom konvinke la esencan trajton de la granda humanisto: la unua eŭropano, la unua pacifisto, la plej elokventa advokato de la humana idealo.

Kelkan tempon antaŭ la morto de Erasmus, aperas en Firenze unu el la plej signifaj verkoj de la moderna historio: *Il Pincipe* de Niccoló Machiavelli. Tiu katekismo de la perforta politiko refutas kun matematika precizo la kernajn principojn de la Erasma filozofio.

Dum Erasmus proponas al la princoj kaj nacioj la submeton de la propraj interesoj favore al tiuj de la

## Doloro

Dupugne kaptis min dolor';
Nenio min konsolas.
Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor'
Mi tion plu ne volas.

Mi jam forgesis pri labor;
Ne plu mi skribas verse;
Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor',
Kaj eble eĉ inverse.

Pro senceleco dronas for
Deziro je la saĝo;
Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor',
Postmorgaŭ — ĉerka kaĝo.

Se l' vivo estas eĉ trezor'
Eĉ tiam ĝi ja stultas.
Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor' !
Mi mortos: nul' rezultas.

Viv' — komedi'; kaj mi — aktor'
(Sufiĉe aĉa ludo).
Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor'
Malgaja finkonkludo.

**Grindel Falkonbriĝ.**

granda homa familio, Machiavelli starigas la reg- kaj potenc-volon kiel la plej altan celon de iliaj pensoj kaj agoj. Kompreneble, la koncepto de Machiavelli, kiu gloras la senskrupulan perforton, pli facile adaptiĝis al la historiaj cirkonstancoj kaj sukcese trabatis al si vojon en la mondo. La landlimoj, kiuj disigas la naciojn, estis multfoje modifitaj per glavo kaj sango. La spirito de l' milito ĉiam montriĝis pli vigla kaj pli energia ol tiu de l' paco. Neniam la penso de Erasmus ludis rolon en la historio aŭ lasis senteblan influon sur la sorto de Eŭropo. Tamen tio neniel signifas, ke la humana idealo restis senvalora aŭ senefika: ĝi konstante inspiris la spiritan aristokration, de Montaigne ĝis Romain Rolland.

Oni sentas profundan melankolion, pensante pri la alta idealo de Erasmus: la racio kaj la kulturo nun regus la mondon kune kun la paco, la toleremo kaj la sendependo de l' spirito, kiun neniu tera potenco povus sklavigi.

La *Triumph und Tragik des Erasmus von Rotterdam* estas io tute alia ol simpla biografio aŭ kritika studo pri la penso de granda filozofo; ĝi alportas laŭdindan ekzemplon kaj atentvekan lecionon al tiuj, kiuj okupiĝas pri la spirita vivo. Montrante al ni la faman humaniston kiel la plej reprezentan figuron de sia epoko kaj la eternan defendanton de la homa konscio, Zweig verkis, laŭ ni, sian plej bonan libron. Kaj la nuntempo donas al ĝi aparte draman signifon. La »triumfo kaj la tragedio« de Erasmus ne malaperis kun la vivo de la filozofo, sed restis dolore aktualaj. Unuflanke: la blindaj fortoj, la bruta instinkto de l' tiraneco, la furiozaj pasioj; aliflanke: la inteligento de homo farinta idealon el la scio kaj celon el la interfratiĝo.

Ni volus, ke tiu libro estu legata kaj primeditata, ĉar ĝi prezentas plej urĝan kaj necesan demandon: savi tion, kio ankoraŭ saveblas de la humana idealo, de la Erasma heredaĵo. Ĝia aktualeco ne troviĝas en la faktoj, sed en ĝia nobla kaj profunda vero.

(V.) CLAUDE FARRÉRE KAJ PAUL CLAUDEL. Grava franca revuo publikigis en decembro la rezulton de tre interesa enketo sub la titolo »Kion legas nia junularo?« La statistiko montras, ke post Maurois la plej multe legata aŭtoro estas Farrère. La modernaj poetoj, kaj inter ili precipe Paul Claudel, ne ĝuas grandan popularecon ĉe la junularo vizitanta altlernejon. Komparante tiun rezulton kun tiu de pli fruaj enketoj, la kompilinto konkludas, ke 60% de la cititaj libroj estis ankaŭ legataj de la antaŭa generacio, de tiu de la gepatroj. Tial, elektante Claude Farrère kiel posteulon de Barthou, la Franca Akademio ŝajne sankciis la publikan opinion. Kvankam la aŭtoro de »La Bataille« meritas ĉies simpation, kelkaj rondoj vere konsterniĝis pro lia triumfo super Claudel, en kiu ili salutas la plej grandan draman poeton nuntempan. Ĉu oni devas praviĝi la aserton, ke la francoj nek legas nek honoras siajn poetojn? Ne, la rezulto de la akademia baloto estas iagrade motivita ankaŭ de la persono mem de Claudel, multrilate aparta, fora de la nuntempo kaj mondumo, trajto, kiu lin diferencigas ekzemple de Valéry aŭ Henri de Régnier.

Interese estas nun rememori, ke antaŭ tri jaroj la unuan prezentadon de »La Atlasa Ŝuo« de Claudel, tiam ambasadoro en Berlin, donis teatro de tiu urbo, kaj por reciproki la ĝentilon oni ludis germanan teatraĵon en Paris.

Same kiel Claude Farrère, Claudel multe vojaĝis. Li konas Usonon, Ĉinujon kaj Japanujon, sed por li certe pli gravas la aventuroj travivitaj en la fundo de la propra animo. Lia reveno al la katolika kredo, lia mistika konatiĝo kun la Biblio, kun Dante, Rimbaud, Baudelaire kaj Verlaine havas la karakteron de profunda malkovro kaj de kulmina revelacio. Sur lia animo ili lasis neforviŝeblan impreson.

Kiam oni parolas pri mistikulo, oni volonte imagas senkarnan asketon, kiu iras en la mondo kun la okuloj ĉielen levitaj kaj floroj en la mano. Claudel neniel similas tiun portreton: potenca, peza korpo, plena de vivavido kaj poseda instinkto. En liaj verkoj aperas same imponaj kaj potencaj bildoj, same vivavidaj figuroj, kaj tamen ĉiam superregas la esenco de la spiritualismo.

(V.) LITERATURAJ FESTOJ PRI GRANDA HUMANISTO DE LA 12-a JARCENTO. Tiun ĉi jaron markos la solenado de kelkaj gravaj datrevenoj en la beletra mondo: Horatius, Erasmus, Maimonido, Victor Hugo kaj la apero de la Kalevala. La urbo Cordoba jus solenis per multaj prelegoj, publikaĵoj kaj starigo de memorŝtonoj la okcentjaran datrevenon de Maimonido. Per tio la tuta hispana lando honoras ne nur la memoron de unu el la plej notindaj verkistoj vivintaj sur ĝia tero, sed ankaŭ unu el la plej viglaj spiritoj antaŭrenesancaj.

Samtempe teologo, diplomato, juristo, astrologo kaj filozofo, posedanta ĝisfunde la hebrean kaj araban kulturojn, Maimonido prezentas la tipon de humanisto, kies scio ampleksas ĉiujn fakojn. Lia influo sur la evoluon de la skolastiko, filozofio kaj aliaj mezepokaj sciencoj evidentiĝis tiom signifa, ke la samtempanoj lin nomis, laŭ la tiama metafora dirmaniero: *La plej granda el la fiksaj steloj, la lumo de l' Oriento kaj Okcidento, la perfekta saĝulo.*

Li naskiĝis en Cordoba, en 1135. Dudek jarojn poste, lia patro, juĝisto kaj talmudano, devis kune kun la familio fuĝi al Fez pro religiaj persekutoj. Tie Maimonido amikiĝas al la araba poeto Ibn-Muiŝa, kiu lin defendas kaj savas de mortpuno antaŭ tribunalo de fanatikuloj. Poste li vojaĝas al Palestino kaj fine instaliĝas en Kairo, kie li publikigas siajn unuajn verkojn. Lia famo de kuracisto havigas al li apartan protekton de Saladin kaj altan postenon ĉe la kortego de tiu reĝo.

Liaj libroj plejparte verkitaj arablingve traktas tre diversajn temojn laŭ la maniero de la 12-a jarcento. Inter liaj filozofiaj verkoj elstaras la fama »Gvidilo por tiuj, kiuj dubas«, kaŭzinta dum pli ol jarcento gravan skismon en la juda religia movado.

Pro lia racia mondkoncepto, lia intelekta sinteno, Maimonido antaŭiras sian epokon kaj meritas esti rigardata kiel pioniro de la moderna filozofio.

JENŐ SZERVATIUSZ, kies skulptaĵojn ni montras en tiu ĉi numero, estas reprezenta transilvania artisto. Por sin vivteni, li faras ankaŭ artmetiaĵojn, ekzemple ornamaĵojn, sed kiam li laboras por si mem, li skulptas. Li havas tiom da temoj kaj eĉ en la sama temo tiom da varioj, ke ĉiu lia verko estas io nova, io surpriza. Li havas grandan teknikan scion, kaj, jen kion oni devas ĉe li multe apreci, li prilaboras ĉion plej konforme al la materialo. Li ne faras marmoron el gipso kaj la ligno en liaj manoj restas ligno: ĉe sia NUDA VIRINO li ne forigis ekzemple el la pir-ligno eĉ la nodojn. Ankaŭ laŭmove liaj figuroj estas konceptitaj en ligno; se li alskulptas veston, tiu estas simpla-linia. Multajn siajn skulptaĵojn li revas jam en la formon de la lignotrunko, kaj poste li forskulptas »nur la superfluon«. Mezepokaj artistoj amis tiel la materialon kaj restis tiel fidelaj al la materialkonformeco.

En lia skulptaro estas tre karakteriza la klopodo al simpligo de formoj; ĉe kelkaj statuoj oni rimarkas eĉ parencecon al la egiptaj skulptaĵoj (CIGANA KNABINO). La nigrakolora MAGDALENA estas unu el la plej perfektaj kaj ekonomiaj kreaĵoj de la artisto: li eluzas ĉiun parteton de la materialo. La elturno de l' supra korpoparto ĉe l' staranta virinfiguro igas tiu verkon tiel »statua«, ke sur bildo apenaŭ percepteblas ĝiaj senkompare simplaj kaj tamen riĉaj formoj. La efikon de BENON PACON majstre pliigas lia originala procedo: supraĵa bruletigo de l' preta lignoverko. Tre belliniaj estas lia bruletigita argilstatuo kaj lia unu sola marmorverko.

El ĉiuj liaj verkoj videblas, ke li iam faris grandan skollaboron de naturismo. Pri tio atestas ankaŭ liaj portretoj: li perfekte konas la formojn, kaj, kie li opinias necesa, li esprimas ilin ĝis la plej etaj detaloj.

Oni vere povas diri pri li, ke li donas *puran plastikon.* *A. Gy. Szabó (J. Csapó).*




## Ĵus aperis! Mendu tuj!

**Daŭrigo de la romano VIKTIMOJ**

Historiaj epizodoj, aŭtentikaj okazaĵoj, personaj travivaĵoj formas la kolorkubojn de tiu ĉi mozaikromano, kiun verkista fantazio unuecigis. Se vi legis la romanon Viktimoj, vi nepreleguĝian duanparton

**SUR SANGA TERO**

por havi kompletan bildon pri la rusa revolucia periodo kaj vivo de militkaptitoj en lajaroj 1918 1920.

**Prezoj:**

broŝurite . . . svfr. 4.—
tole bindite . . svfr. 5.50
Aldonu 10% por sendk.
Formato de Viktimoj. Dukolora kovrilo.
Amplekso 262 paĝoj.

**Mendebla ĉe la aŭtoro**
**BUDAPEST, VII. Rottenbiller u. 66. Hungarujo**

**ADRESŜANĜO:**

L. Totsche sciigas sian amikaron pri nova adreso: Batthyányi-u. 59 IV. 3. Budapest II. Telefonnumero restis la malnova: 549—04

## Internacia Katolika Informejo 's Hertogenbosch Nederlando, senpage donas informojn pri religio

**Abonu tuj**

la monatan gazeton

## LA JUNA VIVO

Jen vi havas la plej malkaran gazeton por komencantoj kaj komencantoj. Interesa enhavo, facile komprenebla lingvo; tre taŭga legaĵo por kursoj.

Petu senpagan specimenon de:

**Redakcio de „LA JUNA VIVO"**
**West-Graftdyk N. H. (Nederland)**

Jarabono: 3.30 P

# Atentu! *Favorprezaj abonoj al Literatura Mondo*

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Por aŭstroj | jare ŝilingoj | 12.50 | Por danoj | jare kronoj | 8. | Por japanoj | jare svfr. | 7.— |
| „ bulgaroj | „ levoj | 210 — | „ estonoj | „ kronoj | 7.20 | „ jugoslavoj | „ dinaroj | 100.— |
| „ ĉeĥoslovakoj | „ kronoj | 60.— | „ hispanoj | „ pesetoj | 16.— | „ svedoj | „ kronoj | 6.50 |

**Ĉiu persono abonanta pli ol unu ekzempleron ricevas la pliajn por po 4.50 svisaj frankoj jare, sed sen SPECIALA KURZFAVORO**

INTERNACIA GAZETO
KIU ANSTATŬAS
SES DIVERSLANDAJN
estas

# „EUROPEAN HERALD"

Redaktata en la lingvoj:

| | |
|---|---|
| **ANGLA** | **GERMANA** |
| **FRANCA** | **HISPANA** |
| **ITALA** | **ESPERANTO** |

**Intervjuoj • Ĝeneralaj Artikoloj • Noveletoj Leteroj el ĉefurboj • Vojaĝartikoloj • Librorecenzoj • Teatra kritikado • Komerca kaj financa kroniko**

**EL ĈIU EŬROPA LANDO**

La paĝo „Herald's College" servas speciale al ĉiu studanto de fremdaj lingvoj

**Abonprezoj:** 3 mon. 2ŝ.6p.: 6 mon 7ŝ.6p.: 1 jaro 10ŝ

**Aperas ĉiun vendredon**

**Eldonejo:**

**110—111 FLEET STREET, LONDON, E. C. 4.**

# HUNGARA • HEROLDO

**MEZEŬROPA REVUO EN ESPERANTO**

de jan. 1935 fariĝis rimarkinda, interesa kaj ampleksa gazeto

**Programo:**

Servo por la paco, libero kaj progreso
Konigo de la hungara kulturo
Akcelo de la fremdultrafiko.

**NUR EN ESPERANTO:**

Originalaj kaj tradukitaj artikoloj pri Hungarujo, pri la vivreformo kaj pri Esperanto. Noveloj kaj poemoj. Rubrikoj: Preter la virino; El Hungarlando (informoj pri kulturo, fremdultrafiko, ekonomio kaj politiko); Miraĵoj kaj Ŝmiraĵoj (kritikaj notoj pri la Esperanto-movado); Esperanto en Hungarlando; Esperanto en eksterlando; Libroj, gazetoj kaj presaĵoj; Korespondo (ankaŭ privataj leteretoj); Kio okazos?

Senriproĉa lingvo — Aperas kvaronjare sur 32 paĝoj — Plaĉa eksteraĵo.

**Abono:**

5 pengoj por hugaroj, 3 svisaj frankoj por eksterlandanoj. Specimeno: 2 resp. kuponoj. La abonantoj ricevas senpage ankaŭ la gazetojn »Lingvo Libro« kaj »La Komerco«, hungaroj ankaŭ la »Magyar Eszperantó Évkönyv«. Poŝta ĉekkonto sub la nomo de la redaktoro, »KÖKÉNY LAJOS, Budapest, No 20.602.«

**Adreso: Budapest, X., Pongrác-ut 17. F. 6—3**

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.